# La Bela Songô de l'Omaro

Kongresa Kuriero de la
87-a Universala Kongreso de Esperanto - Fortalezo, Brazilo
**Dimanĉo, la 4-an de Aŭgusto 2002.**

**N-ro 1**




## bonvenon al la Urbo de l'Suno!

Alvenis la tago, kiun tuta generacio de brazilaj geesperantistoj atendis! Depost 1981, kiam en Brazilo okazis la 66-a Universala Kongreso, oni atendis la oportunon kunveni kaj kunvenigi esperantistojn en Universala Kongreso de Esperanto en Brazilo. Se vi alvenis al Fortalezo antaŭ kelkaj tagoj, vi certe jam konatiĝis kun la famkonata afableco de cearaanoj. Tutcerte vi jam spertis la varmecon de brazila vintro sed ankaŭ la samtempe freŝajn marajn ventojn. Se vi jus alvenis, prepariĝu por gastronomiaj travivaĵoj. Bonvenon kaj ĝuu Fortalezon!

## inaŭgure

Ni hodiaŭ havos la Solenan Malfermon kaj oni atendas la ĉeeston de Beni Veras, guberniestro de la ŝtato Cearà, Ministro Generalo Alberto Cardoso, reprezentanto de la Prezidanto de Brazilo, Raimundo Viana, sekretario pri turismo de la ŝtato Cearà, Patrick Gallaude, reprezentanto de Unesko kaj Carlos Morales, Prezidanto de Monda Ligo de Indiĝenaj Popoloj. Honorkonsuloj por diversaj landoj en Fortalezo ĉeestos la Malfermon.

## estrarkunsido

La kongresa laboro startis en sabato per kunsido de la estraro de UEA. Ses membroj de la estraro partoprenantaj la kongreson ekkunsidis sabaton matene. Kompreneble ili devis antaŭ ĉio fini lastajn porkongresan preparojn kaj distribui dumkongresajn taskojn de unuopaj estraranoj. Preparo de la komitatkunsidoj estis ankaŭ parto de la tagordo, sed ankaŭ aliaj temoj el la taskaro de la estraro ne mankis.

Por la komenco, pliefikigo de la funkciado de la estraro. La unujara sperto nun montris problemojn kaj indikis vojojn por solvi ilin. Pliaj dumkongresaj estrarkunsidoj estas planitaj.

## komitatkunsido

Ankaŭ la Komitato, la supera organo de UEA, kunsidis hieraŭ, posttagmeze. Kvardeko da komitatanoj komencis pritrakti, dum kvar horoj en plena sesio, gravajn temojn de Universala Esperanto-Asocio. La Komitato konsistas el reprezentantoj nomumitaj de aliĝintaj Landaj Asocioj (proporcie al la membronombro), el reprezentantoj elektitaj de la individuaj membroj kaj eventualaj fakuloj indikitaj de la Komitato mem.

Dum la tuta semajno diversaj *subkomitatoj*, t.e. speciaj grupoj de komitatanoj, kunsidos por pritrakti laŭfakajn temojn. Ĉiuj sesioj de la Komitato estas publikaj. Atentu pri ili en la Kongresa Programo, kiel hodiaŭ (**dimanĉo**), en salono **Lorenz**, ekde la **13h00**.

## ŝanĝetoj en la Programo...

Fakkunsido de INA (Internacia Naturkuracista Asocio) okazos en **lundo**, en salono **Harabagiu**, de la **14h45** ĝis la 16h00.

*Ursula Niesert, Germanio (KN 455)*

- TADEN, la faka asocio de ne-fumantoj, okazigos sian kunvenon en **ĵaŭdo** (anstataŭ la anoncita vendreda posttagmezo), de la **10h15** ĝis la 11h00, en salono **Harabagiu**.

*Rob Moerbeek,Nederlando (KN 64)*

**CSEH-KURSO KAJ CSEH-SEMINARIO estas aranĝoj APARTE PAGENDAJ !!**

Ĉiu, kiu deziras partopreni bonvolu pagi ĉe la enirpordo al salono "Lapenna". La aliĝintoj nepre havu ĉe si ĉiutage la kvitancon por rajti eniri la salonon!

Se estas interesatoj por observi la funkciadon de la metodo, tiuj rajtas ĉeesti, sed la organizantoj petas al tiuj resti en la salono de la komenco ĝis la fino de la leciono. Por tia observado oni devas, tamen, pagi. La enirbileto kostas R$ 30,00 - € 10,00 por unu leciono kaj tion oni povas pagi ĉe la enirpordo.

## prelegontoj serĉataj...

...por la *Aŭtoraj Duonhoroj* de nia Kongreso. Oni kontaktu *Ionel Onet (KN 1129)* ĉe la Libroservo.

## trovita...

...poŝtelefono en aŭtobuso veninta el la flughaveno. Kontaktu Iraneide Lopes (KN 1160) ĉe LKK.

## bustransportado

**dimanĉo, 4 aŭgusto:**
*hoteloj - kongresejo:* 08h00, 08h30, 14h00, 19h30
*kongresejo - hoteloj:* 13h00, 16h00, 18h30, 23h00

**lundo, 5 aŭgusto:**
*hoteloj - kongresejo:* 08h00, 08h30, 14h00
*kongresejo - hoteloj:* 13h00, 16h00, 18h30

## telefonado

Telefonkartoj aĉeteblas en la Restoracio, inter Placo Fundamento kaj Placo Espero de nia Kongresejo.

## junulara programo

07/08 – Merkredo
Tuttaga Ekskurso al la Plaĝo "Icaraí" kun tagmanĝo kaj sublima tropika pejzaĝo kun pluraj aktivaĵoj. Informoj kaj aliĝo ĉe la tabulo de la Junulara Informejo.




## "ESPERANTO, PASPORTO AL LA TUTA MONDO" – finfine finita!

Ĝenerala prezentado pri la enhavo kaj uzo de la videobenda serio por la informo de ĉiuj.

La familio Bonvolo invitas vin veni al prezentado pri la projekto, la celo, la metodiko, iomete de la historio kaj ebla uzado.

Ĉi tio estas entute 16 kolorplenaj 30-minutaj lecionoj, kiuj uzas rektan metodon (aŭdiĝas nur Esperanto) por esti uzeblaj ĉie en la mondo. La lecionoj havas ekstertempan econ, tiel, ke ili senŝanĝe aktualos dum multaj jaroj. La amuza kaj daŭre evoluanta intrigo kaptos kaj retenos la intereson de studantoj. La lecionaro uzas desegnojn, fotojn kaj mapojn. Stefan MacGill preparas por ĉiu leciono paroligajn kaj gramatikajn ekzercojn. Aperos akompana libro por helpi al ne-profesiulaj instrui per ĝi, verkata de prof-o Duncan Charters.

D-ro Paul Gubbins, la verkinto, klarigas ke kvankam "Pasporto" celas instrui komencantojn, ĝi ankaŭ celas eĉ spertajn Esperantistojn. Li volas, ke oni spektu kaj ĝuu la dramon kvazaŭ ĝi estus televida prifamilia serio. Kaj pro tio li aldonas: "De drama vidpunkto, tiu ĉi projekto estas la plej ambicia iam ajn entreprenita en Esperanto."

La aktoroj, kiuj devenas de pluraj mondpartoj, uzas Esperanton tiel, kiel ĝi estas prononcata - ĉiam klare, ĉiam komprenebla, foje per leĝere nacilingve nuancitaj akĉentoj, kiuj spegulas veran, tutmondan uzon de Esperanto. Do, Pasporto al la tuta mondo prezentas nenian artefaritan, sed naturan kaj vivantan lingvon!

La familio Bonvolo speciale invitas vin veni por kompreni tion, kion ni faras! La prezentado okazos en **ĉambro Lapenna**, hodiaŭ (**dimanĉo**), je la **15h15**.

*Lari Hanson, Usono (KN 151)*

## esperanto alte flugas

- La julia numero de *Ícaro*, magazino por pasaĝeroj de *Varig*, la oficiala kongresa flugkompanio, mencias nian Kongreson en sia listo de eventoj por Aŭgusto.

- Dum flugo al Fortalezo, kolonelo Fernando Marinho (KN 633), el Rio de Janeiro, klarigis al stevardino, ke inter la pasaĝeroj estas pluraj eksterlandanoj survoje al la 87-a UK. "Ĉu eblas, ke la komandanto permesu, ke oni laŭtparolile prezentu salutvortojn en Esperanto?". Post permeso de la aviadilestro, s-ano Marinho komisiis la "soldaton" Jorge das

Neves (KN 1125) plenumis la misiom. Per koncizaj vortoj, la konata brazila poeto pruvis la taŭgecon de la lingvo. Poste, en la portugala, li dankis al la aviadilistoj pro la alteleco. Reprezentanto de Radio Rio de Janeiro sukcesis surbendigi la aŭran parolacon de Jorge Samie kiel la aplaŭdojn.

## unuafojaj kongresanoj

En la ĉambro Lapenna, je la 17h30 de sabato, okazis la tradicia kunveno por unuafojaj kongresanoj. La ĉambro estis preskaŭ plena je brazilanoj kaj alilandanoj. Por informi kaj prelegi pri tio estis la Konstanta Kongresa Sekretario Nikola Rašić, UEA-oficisto Clay Magalhães kaj la Prezidanto de LKK, D-ro Wandemberg Morais.

Nikola parolis pri la akiro de informoj kaj ankaŭ pri ĉi tiu Kuriero kaj la graveco legi ĝin. Oni klarigis pri la transporto de hoteloj al la kongresejo, pri la pagendaj kursoj ktp. Oni demandis pri la simbolo de nia Kongreso. Wandemberg klarigis, ke la urbo estas riĉa je tiu manĝaĵo, kaj la floso, kiu portugallingve nomiĝas *jangada* (*jangada*) estas tre uzata de la fiŝkaptistoj. La omaro en la desegnaĵo bonvenigas ĉiujn.

Nikola demandis la ĉeestantojn pri tio, kion oni atendas de la Kongreso. La respondoj ĝenerale estis persone koni geamikojn, kiujn oni konis nur per interreto, paroli kun alilandanoj ktp. La Kongresa Sekretario petis, ke oni konsideru, ke plej multaj aliĝantoj en nia Kongreso ne estas profesiuloj, nur esperantistoj kiel ĉiuj ni.

*Isis Climany Okobe Piton, Brazilo (KN 232)*

## *La Verda Butiko*

La rezulto de la vendo en *La Verda Butiko* aplikiĝos en la konstruo de propra sidejo por **Cearaa Esperanto-Asocio**, multjara organizo pri kies historio vi povas legi en la paĝo 68 de nia Kongresa Libro. Ne forgesu suvenirojn por viaj klubanoj kaj parencoj, kiuj envias vin ĉar ili ne venis al la varma vintro de nia Universala Kongreso. Rezervu spacon en viaj valizoj kaj liberigu iom da spaco en via monujo favore al la movado en Ceará.

## Yumeiho-terapio (japana speciala masaĝo)

Hodiaŭ (dimanĉo) en la ĉambro Hodler (1-a etaĝo) okazos prelego kaj prezento pri YUMEIHO-MASAĜO. Kiuj deziros prelegi sinanoncu ĉe KN 93 kaj 903 (aŭ persone dum medicina kunveno de UMEA ĉe salono Almaça).

YUMEIHO MASAĜO por kongresanoj

Sur teretaĝo, la lasta ĉambreto, apud ekstera ŝtuparo:

lunde, marde: inter 9h00 -12h00 kaj 15h00 –18h00; jaŭde inter 9h00-12h00

Estime atendas ĉiujn interesatojn kaj fakulojn je la nomo de s-ro Saiony Masayuki (el Tokyo),

*Fráncel Briel, Kubo (KN 93) kaj Katarina Faragó, Hungario (KN 902)*

## nemenciita en la Kongresa Libro pro teknika eraro...

(se ankaŭ via nomo kaj adreso mankas, kontaktu la redaktantojn de la Kongresa Kuriero)

(KN)

867 Carlos MIRANDA BRAVO, Calle los Amancas, 653 Urbanización, Jardines Viru – Bella Vista Callao 3 – Lima – Peruo

## laste aliĝis...

(KN)

1316 Elizete RODRIGUES BRAGA, R. José Sombra, 495 – Fortaleza-CE – Brazilo
1317 Hugo V. VASCONCELOS, R. Licurgo Montenegro, 416 – Fortaleza-CE BR-60356-200
1318 Gonzalo COLLANTES GARCIA, N. López #857 (altos) e/ Barnada y S. Lora, Santiago de Cuba, CU-90100
1319 Carlos Cândido LIMA, R. Rio Tocantins, 1364 – Fortaleza-CE – Brazilo
1320 Paulo José TORRES DE CASTRO, Av. José Bastos, 575 – Fortaleza-CE BR-60325-330
1321 Arto Tuomas SARLE, Neitsytpolku 22 c 33, Helsinki FI 00810 – Finnlando
1322 Flávia de Azevedo BELÊSA, Q I 09 Bloco P apt. 206, Guará I - Brasília- DF- BR-71020-168
1323 Renild ARAÚJO OLIVEIRA, Rua Pontes 121-A, Fortaleza-CE, BR-60335-380
1324 Evandro SANTOS, Est. Água Branca, 6260, Bl. 01, Apt. 102, Rio de Janeiro-RJ BR-21862-370
1325 Zaira B. PINHEIRO, SQS 410 – Bloco Q – Entrada A – Apto. 202, Brasília-DF BR-70276-170
1326 Florença B. PINHEIRO, SQS 410 – BLQ – Entr.A – Apto. 202, Brasília-DF BR-70276-170
1327 Maria da SILVA RESINA, Rua Mararupá, 473 – Rio de Janeiro BR-21321-060
1328 Walkíria VERNACCI LARA RUBIO, Caixa Postal 706 – Atibaia-SP, BR-12940-972
1329 Eduardo T. N. da ROCHA, Rua Barão do Rio Branco, 549 - Criciúma-SC, BR-88801-450
1330 Steve WAGENSELLER, 1930 Kakela Drive #1, Honolulu, HI 96822, Usono

1331 Anita MILLS, 835 W. 8th St., Dallas, TX 75208, Usono
1332 Phil DORCAS, 1607 El Camino Real #115, Euless, TX 76040, Usono
1333 Rochelle F. GROSSMAN, 80-50 Baxter Ave., #3D Elmhurst, NY 11373, Usono
1334 Christer LÖRNEMARK, Syster Esrids gata 13, SE-413 25 Göteborg, Svedio
1335 Belise KMENTT CAVADA, Rua Cel. Linhares, 1557/apt. 304, Fortaleza-CE BR-60170-240
1336 Regina CARVALHO KINJO, Rua Carlos Jereissati, 533 – Fortaleza-CE
1337 Olintho F. GADELHA, R. Fortaleza Sobralsa, 610 – Viçosa do Ceará-CE BR-62300-000
1338 Rômulo da COSTA NÂNTUA, R. Rio Negro, 162 Bloco B, apto. 541, Caucaia-CE, Brazilo
1339 Helio SALLES, Rua Carlos Índio do Brasil, 8, apto. 102, Rio de Janeiro-RJ, BR-22230-090
1340 Said P. ALBUQUERQUE, Rua Contria, 515/301 – Belo Horizonte-MG BR 30480-210
1341 Márcia R. D. ALBUQUERQUE, Rua Contria, 515/301 – Belo Horizonte-MG BR-30480-210
1342 Maria do Carmo J. AVELAR, R. Sra. das Graças, 15 – apto. 201 – Belo Horizonte-MG, BR-30310-130
1343 Állisson dos SANTOS CORDEIRO, R. Ten. Marques, 244 – Fortaleza-CE, BR-60556-150
1344 Maria SUAREZ CASTILLO, San Carlos 3 Reyes Iztacala Tlalnepantla, Meksikurbo, MX-54090 Meksiko
1345 Jose Luis MUÑOZ SANCHEZ, Sur 137 Nro. 1904, Ramos Millar, Meksikurbo, MX-08730 Meksiko
1346 Katia Simone LEÃO SANTOS, Rua Ipiranga, 91 – apto. 103 – Rio de Janeiro-RJ
1347 José G. da FONSECA, R. Raimundo Xavier da Costa, 45, Afonso Pena – Divinópolis, MG BR-35500-115
1348 Paulo Roberto OLIVEIRA, R. Sergipe, 759/202, Centro – Divinópolis, MG BR-35500-012
1349 Enivaldo ALVES SILVA, SHIS, QI-25, conj.14, c/19 – Brasília-DF BR-71660-330
1350 Magnólia CORREIA, R. José A. Cavalcante, 795, Cid. Funcionários – Fortaleza-CE – Brazilo
1351 Livio ROCHA FERRAZ, Av. Antonio Sales, 1525/1301 – Fortaleza, CE, Brazilo
1352 Livia Eveline A. NUNES, Rua Des. Praxedes 555, bl-D, apto. 304, Montese – BR-60416-530 – Fortaleza, CE
1353 João Bosco COSTA NUNES, R. Des. Praxedes, 555, bl-D, apto. 304, Montese – BR-60416-530 – Fortaleza, CE
1354 Lilian Cibele de A. NUNES, R. Desembargador Praxedes, 555, bl-D, apto. 304, Montese – BR-60416-530 Fortaleza, CE
1355 Hans ADRIAANSE, Lenculenstraat E. 6211 KP, Maastricht, Nederlando
1356 Ricardo CALDEIRA, R. Omega, 95/302, Jd. América – BR-30460-420 – B. Horizonte, MG
1357 Jarbas ARAÚJO JR., R. Wilson M. Ribeiro, 180/703 – BR-31160-430 – Ipiranga, MG
1358 Débora C. FERNANDES, R. Francisco Glicério, 2190, V. Manoel Sátiro – BR-60711-010 – Fortaleza, CE
1359 José SOARES, Av. Praia do Cotovelo, 184, Nova Parnamirim, Parnamirim, Brazilo
1360 Esdras CASTRO E SILVA, Gonçalves Dias, 1928, QR55, bl.01, apto. 304, Fortaleza-CE
1361 Silvio KNIESS MATES, R. S. Antônio, 1229/201, São José, SC, Brazilo, BR-88117-351
1362 Jégerson P. GOMES PEREIRA, Caixa Postal 622, BR-58100-970, Campina Grande, PB
1363 José Mauricio PEREIRA DE OLIVEIRA, Rua B, 116, Pq Dois Irmãos, Fortaleza CE
1364 Imar FERNANDES, Rua 9, 186, Setor Oeste – BR-74110-100 – Goiânia, GO
1365 Cilda Martinha ROZALES, Rua dos Andradas, 487/908, Centro, Porto Alegre, RS, Brazilo
1366 José Ribamar M. PUÇA, R.Benedito Leite, 205 – BR-65950-000 – Barra do Corda, MA

***Pliaj sekvos – Ni jam atingis 1450 aliĝintojn!***

Io raportinda?
Ĉu vi informu estas
grava por la Kongreso?

Ne nur disklaĉu ĝin sur la koridoroj!
Sendu ĝin al nia kuriero –

kuriero87uk@bol.com.br



*La Bela Songô* **de l 'Omaro**
87-a Universala Kongreso de Esperanto
Respondeca redaktanto
James Rezende Piton (KN 191)

Kunredaktantoj
Ísis Climany Okabe Piton (KN 235)
Jimes Vasco Milanez (KN 224)
Mauricio Signorini P. de Almeida (KN 688)

# La Bela Songô

# de l'Omaro

Kongresa Kuriero de la
87-a Universala Kongreso de Esperanto - Fortalezo, Brazilo
**Lundo, la 5-an de Aŭgusto 2002.**

**N-ro 2**



87-a Universala Kongreso de Esperanto
Fortalezo-Brazilo
03-10 aŭgusto 2002

## malfermita Kongreso

Hieraŭ matene okazis la Solena Malfermo de nia Kongreso, kun la ĉeesto i.a. de la guberniestro de ŝtato Ceará, Beni Veras, kaj de reprezentanto de la Brazila prezidento, Ministro Alberto Cardoso. Ĉi-lasta legis siajn multajn salutvortojn en tre bona Esperanto-parolo, kiu estis tre aplaŭdita. S-ro Patrick Gallaud, reprezentanto de Unesko, legis mesaĝon de Asista Direktoro de Unesko por Edukado, John Daniel. En muzika paŭzo, Alvarus Moreno, tenoro el Fortaleza, dufoje kantis la konatan "Akvarelo de Brazil'" esperantigitan de LKK-ano Tarcisio Lima. Tiu kantado partoprenigis la plenplenan salonon.

Carlos Morales (Kostariko), legigis sian rezonadon pri la kongrueco de nia kongresa temo kun la ideoj de la porindiĝena movado. Vicprezidanto de UEA, Humphrey Tonkin, prezentis la temon ("Diverseco: ŝanco, ne minaco") kaj invitis ĉiujn partopreni la cumsemajnajn debatojn. UEA-prezidanto Renato Corsetti, kiu kunordigis la tutan solenaĵon, parolis pri la nuna stato de la E-movado. Ĝenerala Sekretario de UEA Ivo Osibov anoncis la nomumon de kvar novaj Honoraj Membroj (v. sube) kaj faris specialan omaĝon al loka pioniro prof-ro Paulo Amorim Cardoso, vicprezidanto de LKK, kaj s-ino Lúcia Dummar.

La Malfermo finiĝis per la tradicia saluto de reprezentantoj de pli ol 50 landoj kaj per 1300-voĉa koruso kantanta la himnon "La Espero".

## novaj Honoraj Membroj de UEA

Anonciĝis kvar novaj Honoraj Membroj de UEA, kies biografiojn oni legos en la revuo *Esperanto*. La Komitato distingis per tiu titolo la jenajn geesperantistojn, kiuj faris gravajn servojn al la tutmonda E-movado: **Evaldo Pauli** (Brazilo), **Kathleen Hall** (Britio), **Kyotaro Deguĉi** (Japanio) kaj **Hans Bakker** (Nederlando).

**AKVARELO DE BRAZIL'**
**Aŭtoro:** Ary Barroso
**Esperantigo:** Tarcísio Lima

Ho, prezentu bildojn de konkero
Benu la homojn per libero
Ho, tradici' de mia tero

Lasu senfine kanti trobador'
Sub la mildeco de l'lunlumo
De mia amo pri l'trezor'
Vena laŭtakte kiel dancistino
En via glora destino
El paco, amo kaj vero
Brazil', por mi, Brazil', por mi...

Ho, via naturo-verd' eternas
Tie ripoze mi min sternas
Dumnokte sube de lunklar'
Ha, kiel kantas la fontanoj
El kiuj trinkas karavanoj
Feliĉa la kunludantar'

Ho, bruna Brazilo ŝtatila
Mia Brazilo brazila
Ritmado multperkutila
Brazil', por mi, Brazil', por mi...

## instruado – marde, je la 10-a horo

*Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj* bonvenigas ĉiujn kongresanojn kaj informas, ke oni dum la kuranta UK dediĉos apartan atenton je la problemoj de instruado de Esperanto en la tradiciaj lernejoj kaj per la komputila reto. Oni prelegos kaj diskutos speciale dum la Tago de la Lernejo marde, je la 10h00 (ne je la 10h30 kiel mispresite).

## AERA

Radio-aŭskultantoj renkontiĝos **vendredon**, je la 17h00, en salono **Lapenna**.

### Kontribuoj al Afriko

Ekde hodiaŭ (lundo), je la 14h00, funkcios ĉiun tagon la **Afrika Budo**. Ĉiaspeca helpo kaj monsubteno estas bonvena kaj oni donu ĝin nur al tiu Budo de UEA.

## medicinistoj

La prezidanto de UMEA (Universala Medicina Esperanto-Asocio) faris jarraporton al 23 ĉeestantoj el 10 landoj. La Asocio kunlaboras kun fervojistoj (IFEF) kaj naturkuracistoj (INA). UMEA deziras fari pliajn kunlaborajn kontraktojn kun aliaj E-organizoj. Venontjare en urbo Oradea (Rumanio) okazos la 14-a Internacia Medicinista E-Konferenco. D-ro S. YAMAZOE (Japanio) verkas E-anglan medicinan terminaron kaj laŭ la planoj ĝi aperos ĉi-jare.

*D-ro Imre FERENCZY, Hungario (KN 344)*

## Yumeiho-masaĝo/terapio

Multnombraj interesatoj ĉeestis. Anstataŭ s-ro SAIONJI (Japanio), Yumeiho-terapeŭtoj parolis pri siaj rezultoj, pri la teorio mem de la masaĝo, menciinte la efikon de tiu terapio, kiu estas preventa kaj terapeŭta metodo kontraŭ malsanoj kaj suferoj.

*Katarin FARAGÓ, Hungario (KN 905)*

## Internaciaj EKZAMENOJ de ILEI/UEA

**Ĉiuj kandidatoj al la elementa kaj meza niveloj devas prezenti sin ĉe la pordo de salono** Lorenz (1-a etaĝo). **hodiaŭ (lunde la 5-an de aŭgusto), je la 15h00 (tria horo posttagmeze).**

*Mireille GROSJEAN, Svislando (KN 112)*

**Aŭtoraj Duonhoroj, ĉe la Libroservo**
*Lunde (matene): Boris KOLKER* — *(posttagmeze): Sylia CHAVES*
*Marde (matene): Gilbert LEDON* — *(posttagmeze): Geraldo MATTOS*

## komunistoj

La kunveno de IKEK (*Internacia Komunista Esperantista Kolektivo*) diskutis pri la socipolitika situacio en Latinameriko kaj speciale en Brazilo antaŭ la balotoj de la jaro 2002 (la progresemaj fortoj en Brazilo, kion faras la komunistoj ktp.). Kvin ĉeestantaj brazilanoj klarigis la politike haosan situacion en Brazilo: ne ekzistas nur du komunistaj partioj, sed ankaŭ deko da, kun diversaj sintenoj vide al la balotoj. Ne ekzistas partio aŭ persono en la nuna situacio kun socialisma aŭ progresema programo kapabla veki entuziasmon kaj optimismon inter la laboristoj aŭ eĉ inter progresemaj homoj. IKEK proponas sin kiel forumo por ĉiu E-isto kiu difinas sin mem kiel komunisto laŭ la plej larĝa senco kaj alvokas ĉiujn aliĝi al la reta diskutlisto **ikek@yahoogroups.com**

*Dieter RÖHKE, Svislando (KN 124)*

## ŝanĝetoj en la Programo...

- Fakkunsido de INA (Internacia Naturkuracista Asocio) okazos en **lundo**, en salono **Harabagiu**, de la **14h45** ĝis la 16h00.

*Ursula Niesert, Germanio (KN 483)*

- TADEN, la faka asocio de ne-fumantoj, okazigos sian kunvenon en **ĵaŭdo** (anstataŭ la anoncita vendreda posttagmezo), de la **10h15** ĝis la 11h00, en salono **Harabagiu**.

*Rob Moerbeek, Nederlando (KN 64)*

**Unesko**

En salono **Lapenna**, hodiaŭ (**lundo**), je la **17h00**, okazos prelego de s-ro Patrick Gallaud pri Unesko kaj Neregistaraj Organizoj (NRO-j).

## IKU-2: "La elĉerpiĝo de enprizonigo kaj efika respondo de alternativaj punoj"

Pri tio tre klare prelegis hieraŭ D-ro César Barros Leal, profesoro pri juro kaj membro de la Nacia Konsilantaro pri Kriminala kaj Prizona Politiko. La preleginto proponis virtualan vojaĝon al prizonoj kaj tion li faris montrante kelkajn filmojn, kiuj ebligis al la spektantoj konstati la teruran situacion de la brazilaj prizonoj. D-ro César ankaŭ rakontis pri sperto en Meksiko: en la vizitata prizono loĝis ankaŭ la familianoj de la prizonuloj, la infanoj eliras ĉiele al lernejoj kaj poste reiras al sia hejmo: la prizono!

Poste la preleginto prezentis la alternativajn punojn (ekz. malpermeson viziti kelkajn lokojn), pli bonajn kaj malpli multekostajn. Li ankaŭ klarigis, ke tio ne temas pri nepuneco kaj ke la enprizonigo devas esti nur la lasta rimedo por puni (kiam temas pri perfortaj krimoj). Ĉeestantaj viro, kiu iam estis enkarcerigita, kaj virino, kiu plenumis alternativan punon, iomete rakontis pri siaj spertoj: la virino devis labori en oficejo kaj ŝatis la lokon: inkluzive tie ŝi dumtempe restis post la punplenumo, pruvante la efikecon de la alternativaj punoj. Ankaŭ menciindas, ke la preleganto estas la aŭtoro de la esperantigita libro "Enprizonigo – Krepusko de Erao", de li donacita al ĉiu aliĝinta kongresano de la 87-a UK.

## MALOFTA EBLECO!

Estas ja kutime dum la UK spekti profesian teatraĵon, sed en Fortalezo estas la malofta ebleco vidi profesian teatraĵon "La Domo, kiu Timigis". Jes, ja! Ĉiuj geaktoroj estas junuloj el Pato Branco, kiuj vere flue parolas Esperanton. Mi ĉeestis la prezentaĵon dum la jus pasinta IJK kaj ili vere impresis min. Ne maltrafu la eblecon vidi tion **marde**, je la **10h00**. Vi certe ridos kaj... nur iomete timos.

*Normand Fleury, Kebekio (KN 138)*

## salutmesaĝoj

– Pere de kongresano Lia Episkopa Moŝto Manoel ROCHA el Foz do Iguaçu (Brazilo) oni ricevis salutmesaĝon kaj benon al UK sendita de Lia Episkopa Moŝto Ivan DUTRA de MORAES, Prezidanto de la Episkopa Konsilantaro de Brazila Apostola Katolika Eklezio. Kun ĝi venis sciigo, ke la Episkopa Konsilantaro, kunveninta en la urbo Brazilio, aprobis Rezolucion, kiu diedas, ke Esperanto estu, ĉe vaste kiel pli bone konata en la sino de la Brazila Apostola Katolika Eklezio. Sekve de tio la oficiala retejo de la Eklezio (http://www.icab.org.br) prezentiĝos ankaŭ en Esperanto.

– La franca monatgazeto *Le Monde diplomatique* [La diplomatia mondo] salutas la 87-an UK. Ĝi prezentas profundajn analizojn de la soci-politikaj fenomenoj dise en la mondo: vere necesa informeblecо por ĉiuj progresemaj homoj por kompreni kaj kompreniĝi ĉirkaŭ la faktojn kaj ties fonojn. La redakcio de *Le Monde diplomatique* jus decidis oficialigi la retpaĝon de Esperanta versio de ĝiaj artikoloj. Ili troviĝas provizore sub jena adreso: http://membres.lycos.fr/lemondediplomatique

Jam estas skipeto de tri tradukistoj por la esperantigo: Alberto CALIENES (Kubo), José Antonio VERGARA (Ĉilio) kaj la raportanto Vilhelmo LUTERMANO (Francio). Oni tamen bezonas pliajn kunlaborantojn por iĝi regula servo. Pro tio oni alvokas ĉiujn, kiuj sentas sin kapablaj kaj emaj al tio, aliĝi al la skipo kaj kunlabori regule, t.e. traduki minimume unu artikolon monate el la franca originalo aŭ el unu de la jam tradukitaj aliilngvaj versioj (angla, germana, hispana, portugala ktp.) al Esperanto. Per tiu kunlaborado vi kontribuos al reguligo kaj ampleksigo de la traduko, kaj tiel liveros necesajn kondiĉojn por mondvaste ŝanĝi la liberalan tutmondiĝon/globaliĝon al tutmondiĝo de humanecaj kondiĉoj kaj de socia progreso. Bv. kontakti la raportinton ĉe la mesaĝtabulo aŭ poste per **vlutermano@free.fr**

*Vilhelmo LUTERMANO, Francio (KN 772)*

## Publika bustransportado

Preterpasas la Kongresejon Centro de Convenções [prononcu: sentru di konvensojns] la jenaj buslinioj:

**021** – Jardim das Oliveiras/Luciano Cavalcante (1 kaj 2) **075** – Campus do Pici/Unifor

**053** – Antonio Bezerra/Papicu/Messejana **074** – Antonio Bezerra/Unifor

**041** – Av. Parangaba 1 **806** – Bairro Edson Queiroz **820** – Papicu/Conj. Alvorada

## Afrika Agado

La kunvenon partoprenis 30 homoj kaj ĝin gvidis Renée TRIOLLE, eksestrarano de UEA pri Afrika Agado, pro foresto de estrarano GBEGLO Koffi. Intervenis diversaj homoj pri siaj spertoj, agrablaj aŭ malagrablaj: venigo de Koffi al Flandrio, kiu kreis ŝokon ĉe la femejanoj kaj novan interkulturon en la urbo, partopreno en afrikaj Kongresoj ktp. La Afrika Fondaĵo bezonas monon sed Afrika Agado bezonas pli interŝanĝo de spertoj, ĝemeliĝoj, subteno al lokaj iniciatoj k.s. Michela Lipari raportis pri la Oficejo de UEA en Lomé (Togolando), de kie UEA sendos cirkulerojn. Dankʼ al la helpo de la pli fortaj LA ĉefe pere de informiloj en la ekskoloniaj lingvoj (franca, angla, portugala). Broŝureto estos disponebla ĉe la Afrika Budo, ekde lunde, ĉiutage de la 14h00 ĝis 18h00.

*Renée TRIOLLE, Francio (KN 311)*

## Rondo Familia

Amri WANDEL, Komisiito de UEA, parolis pri la sperto eduki proprajn infanojn en Esperanto kaj ĉefe pri la maniero konservi ĉe la infanoj la entuziasmon kaj plian intereson pri la lingvo kaj ĝiaj aplikoj. Li emfazis la gravecon de naciaj kaj internaciaj renkontiĝoj, por ŝtopi la breĉojn kiuj en diversaj jaĝoj plejofte forigas homojn de E-komunumo.

## La Nacia Vespero fariĝis grandioza evento...

Jute inda por la unua tago de nia Universala Kongreso. Tiam, oni prezentis la popolan kulturon de Brazilo, stariganté la esencon de ĝia kulturhistorio, granda miksado el multaj gentoj. Unue prezentiĝis senĉesa serio de popolaj dancoj kaj kantoj, kiuj montris mirindaĵojn el multaj partoj de Brazilo. Laŭ la sono de diversaj afrik-brazilaj muzikiloj, la publiko akompanis atente ĉiujn plurajn scenojn. Kapoejro kaj legendoj, "frevo"-danco kaj infanaj ludoj, tamburoj kaj flutoj distris la spektantaron, kiu plurfoje gratulis per tondraj aplaŭdoj, krioj kaj fajfegoj. Poste, marakatuo sonis en la salonego Zamenhof, kaj la brilega duopo Pingo kaj Tarcísio Lima saltigis la homojn el la seĝoj. Multaj ne sukcesis teni siajn korpojn kaj dance akompanis la personojn sur la podio. Ili plurkolore dancis elegante, memorigante la tradician feston devenan el Portugalio, kiu fariĝis la karnavalo de la brazilaj manifestiĝoj. La aŭskultantaro, post tiuj neforgeseblaj brazilaĵoj, foriris ankoraŭ dancante, kaj, kiel oni diris dum la scena malfermo, "Brazilo fariĝis la mondo, kaj la mondo fariĝis Brazilo".

*Mateo Artioli Firmino, Brazilo (KN 296)*

**Grava Informo pri Transporto kaj la Bankedo!**

La kongresaj busoj konstante cirkulos ekde la 16h00 ĝis la 18h00 inter la Kongresejo kaj la ses hoteloj (*Classic*, *Luzeiros*, *Beira-Mar*, *Villa Costeira*, *Caesar Park* kaj *Samburá*).

La busoj por la Bankedo (ĉe *Maison Dunas*) ekiros de tiuj ses hoteloj je la 18h30.

## nemenciitaj en la Kongresa Libro pro teknika eraro...

Se ankaŭ via nomo kaj adreso mankas, kontaktu la redaktantojn de la Kongresa Kuriero

(KN)

866 José Antonio VERGARA, Casilla 508, Puerto Montt, Ĉilio

1314 A. Barbara PIETRZAK, str. Miedzynarodowa 38/40 M 217, PL-03-922 Warszawa, Pollando

## laste aliĝis...

(KN)

1367 Delmont RIBEIRO, R. São Francisco, 497, Fortaleza, CE – BR-60543-360
1368 Fabricio RODRIGUES VALLE, SQS 24, Bloco D, Ap. 605 Brasilia, DF BR-70093-900
1369 Carlos Lincoln Brasil MESQUITA
1370 Roberto O. BARROS Fo., Av. J Pessoa, 105/201, Centro, Porto Alegre, RS – BR-90040-000
1371 Laís SILVA, Rua Lamenha Lins, 41-23, Curitiba, PR – BR-80250-020
1372 Clelia KOZLOWSKI, R. Campos Sales, 105, apto. 102, Tijuca – R Janeiro, RJ – BR-20270-211
1373 Stefan SLAK, 2718 Goddard, Toledo, Ohio 43606, Usono
1374 Marcos Zlóv ZLOTOWICZ, C.P. 2641, São Paulo, SP – BR-01060-970
1375 Robert SWENSON, 218 Brakefield DR Janesville WI 53546, Usono
1376 Telma RIBEIRO, Rua Almirante Gomes Pereira, 21/301, Urca, Rio de Janeiro, RJ, Brazilo
1377 Argos MADEIRA, Rua Engenheiros, 40-13, Brasilia, DF – BR-70800-000
1378 Gabriela REYES ZARATE, Faustino G. Olivera, 411, Col. Figueroa, Oaxaca, Meksiko
1379 Gersi Alfredo BAYS, Caixa Postal 49, Chapecó, SC - BR-89801-970
1380 Ivan BUDINOV, Cul. Konstantin Velichkov, 165, CL.6.VH.B.ET.3 Apt. 39, Sofio, BG-1309
1381 Rumjana BUDINOVA, Cul. Konst Velichkov, 165, CL.6.VH.B.ET.3 Apt. 39, Sofio, BG-1309
1382 Márcia Rohênia S. CASTRO, R. Tibúrcio Frota, 413, Casa 02, Fortaleza-CE - BR-60130-300
1383 Jim DROEGE, 11534 28th Ave SW Seattle WA 98146-3412, Usono
1384 Francisco D. SOARES, Rua Azevedo Bolão, 1939, Fortaleza, CE – BR-60455-160
1385 Sally LAWTON, 12 Stage Rd Westhampton MA 01027, Usono
1386 Ivanildo SAMPAIO, R. Antonio Carneiro, 97, Casa Amarela- Recife-PE – BR-52090-000
1387 Francisco Rusthynes Lima REGO, Rua José Sombra, 495 - Fortaleza-CE - BR-60450-610
1388 Patricia Lima REGO, Rua Jose Sombra, 495- Parque Araxá- Fortaleza-CE - BR-60450-610
1389 Carlos Alberto Barros de SOUZA, Rua Socorro, 260 - S. J. dos Campos- SP - BR-12243-240
1390 Eni Alvim de OLIVEIRA, Rua do Socorro, 260 São José dos Campos- SP- BR-12243-240
1391 Manoel ROCHA NETO, Rua Manencio Martins, 400 Foz do Iguaçu Brazilo
1392 Peter Pal DENKE, Köztarsag ter 8/a Törökbalint, HU-2045
1393 José Souza MELO, QI3 Bloco S apto 106 Guará I Brasilia BR-71020-192
1394 Sergio Luiz CAMPOS, Av. Esperanto, qd. 9, lote 13 - A. Paraiso de Goiás, GO - BR-73770-000
1395 Osmar Casagrande CAMPOS, 804 Sul Alameda 13, n.76 Palmas-GO – BR-77140-340
1396 José Edvaldo ANTUNES Jr., SMSE 30 LT 01, CS 01, Samambaia-DF – BR-72330-210

***Pliaj sekvos – Ni jam atingis 1478 aliĝintojn!***

**Io raportinda?**
**Ĉu via informo estas grava por la Kongreso?**

Ne nur disklaĉu ĝin sur la koridoroj!
Sendu tion al nia kuriero:

kuriero87uk@bol.com.br




*La Bela Songo* **de l 'Omaro**

**87-a Universala Kongreso de Esperanto**

**Respondeca redaktanto**
James Rezende Piton (KN 172)

**Kunredaktantoj**
Ísis Climany Okabe Piton (KN 258)
Jimes Vasco Milanez (KN 224)
Mauricio Signorini P. de Almeida (KN 688)

// La Bela Sonĝo

# de l'Omaro

Kongresa Kuriero de la
87-a Universala Kongreso de Esperanto - Fortalezo, Brazilo
**Mardo, la 6-an de Aŭgusto 2002.**

**N-ro 3**




## TAGO DE LA LERNEJO – hodiaŭ

*Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj* bonvenigas ĉiujn kongresanojn kaj informas, ke pri dum la kuranta UK dediĉos apartan atenton je la problemoj de instruado de Esperanto en la tradiciaj lernejoj kaj per la komputila reto. Ĝiaj prelegoj kaj diskutoj speciale hodiaŭ – ne maltrafu!

### Kongresa Temo

En la mateno okazis la unua kunsido pri la kongresa temo: *Diverseco – riĉeco, ne minaco.* Ĉeestis pli ol cent homoj. En la komenco de la kunsido, José Carlos Morales respondis al demandoj pri la prezento dum la inaŭguro de la UK kaj s-ro Patrick Gallaud, de Unesko, faris malongan paroladon pri la starpunkto de tiu Organizo koncerne la diversecon. La dua duono de la kunsido estis dediĉita, sub gvido de la reĝisoroj pri la kongresa temo d-rino Jane Edwards kaj d-ro Humphrey Tonkin, al diskutado pri la kongresa temo en malgrandaj grupoj.

La partoprenantoj konstatis, ke estas kaj bonaj kaj malbonaj aspektoj de la tielnomata 'globaliĝa' procedo, kaj ke ili ofte estas du flankoj de la sama fenomeno. Do novaj teknologioj alportas siajn bonajn rezultojn: pli da informoj pri la mondo ĝenerale, alproksimiĝo de la homoj kaj facila komunikado. Tamen kelkaj landoj ankaŭ spertas pro la novaj komunikiloj hegemonian dominadon de la amasmedioj, fare de eksterstarantoj kaj la trudon de fremdaj kulturaj produktoj. Tutmonda ekonomia sistemo alportas kaj eblecojn por evoluo kaj disvolviĝon (kune kun la avantaĝoj de grandskala produktado), sed pli kaj pli la grandaj entreprenoj, ignorante la landlimojn kaj la potencon de la registaroj, faras gravajn sociajn decidojn kaj trudas tiujn decidojn elekstere. La sano de la homaro pliboniĝas; sed kiu regas la prezon de la necesaj medikamentoj? Kun ekonomia hegemonio povas veni lingva hegemonio, kaj novaj eblecoj de edukado povas akceli la malaperon de tradiciaj kaj lokaj kulturoj. Mondmilito estas eble pli facile evitebla, pro la komercaj ligoj inter la landoj, sed la fortaj landoj pli facile manipulas la malfortajn.

En la dua kunsido pri la kongresa temo, kiu okazos hodiaŭ (**mardon**) je la **16h00** en salono **Hodler**, la ĉeestantoj turnos sian atenton al respondo al demandoj 2, 3 kaj 4 sur la 32-a paĝo de la Kongresa Libro. Eĉ se vi ne partoprenis la unuan kunsidon, vi estas tre bonvena partopreni la duan kaj kunporti viajn opiniojn al tiuj ĉi tre gravaj demandoj.

La tria kunsido pri la kongresa temo okazos ĵaŭdon, kaj post tio estos ellaboritaj kelkaj konkludoj kaj konstatoj, kiuj formos bazon por la estonta agado. Via opinio gravas! Venu do al la venonta kunsido pri la kongresa temo!

*D-ro Humphrey Tonkin, Usono, vicprezidanto de UEA (KN 14)*

### junularo!

Nepre kandidatiĝu por la Oratora Konkurso de UEA! Ĝi okazos **ĵaŭde**, je la **11h30**, en salono **Hodler**. La premioj estas tre valoraj libroj. Anoncu sin **hodiaŭ** al la prezidanto de la Juĝkomisiono Adonis SALIBA SILVA, ĉe la Informejo. Pliaj informoj troveblas en la Kongresa Libro, paĝo 44.

### faka ekskurso al hospitalo kaj al laboratorio – hodiaŭ

La 8-an de Aŭgusto, medicinistoj, asistantoj kaj aliaj interesatoj vizitos la hospitalon kaj laboratorion per mikrobuso (23 personoj). Ankoraŭ estas liberaj lokoj! Ekveturo je la **13h00** antaŭ la kongresejo. Reveturo ĉ. la **16h00**.

*D-ro I. Ferenczy, Hungario (KN 344)*

### ŝanĝetoj en la Programo...

- TADEN, la faka asocio de ne fumantoj, okazigos sian kunvenon en **ĵaŭdo** (anstataŭ la anoncita vendreda posttagmezo), de la **10h15** ĝis la 11h00, en salono **Harabagiu**.

*Rob Moerbeek, Nederlando (KN 64)*

### Unesko

En salono **Harabagiu**, je la **17h00** de **ĵaŭdo**, okazos prelego de s-ro Patrick Gallaud pri Unesko kaj Neregistaraj Organizoj (NRO-j)

**Aŭtoraj Duonhoroj, ĉe la Libroservo**

*Mardo (matene): Gilbert LEDON* *(posttagmeze): Geraldo MATTOS kaj Amri WANDEL*
*Ĵaŭdo (matene): Amri WANDEL* *(posttagmeze): José CALIXTO*

## eĥoj de antaŭaj vesperoj...

### NACIA VESPERO - *Jorge dos NEVES, Brazilo (KN 1125)*

PINGO DE FORTALEZO, la aŭroro
Marakatu', etoso de sunorilo,
Verve muziko, ĉarmo kaj furoro,
Simbolo de la stelo de Brazilo.

Gejunuloj, infanoj kun talento,
Roso brazila, Ordo kaj Progreso,
Vi estas de la artoj fundamento
Kaj vin gratulas tuta la Kongreso.




### *La Knabo Frenezeta*

Dum la 87-a UK okazos inaŭguro de retversio de la libro La *Knabo Frenezeta*, verkita de Ziraldo (famega brazila desegnisto) kaj esperantigita de Kristoĉjo Rozenus, tiam 9-jaraĝa.

Vizitu **http://www.utopia.com.br/esperanto/ziraldo**

### *junulara programo*

Hieraŭ posttagmeze tre sentebla la vervo, la bruado kaj la ŝvito de la junularo. Unue, interkonatiĝaj ludoj gvidataj de Ísis OKABE PITON tre amuzis kaj ridigis la gejunulojn. Tuj poste komenciĝis dancado: Rozinjo MATTOS kaj Mateo FIRMINO instruis la t. n. *cirklajn dancojn* (kiuj furoris dum la pasintjara Brazila Kongreso de Esperanto). Fine, Antônio MOREIRA liveris bazajn instruojn pri la afrikbrazila ludodanco *kapoejro*, kio okazos ankaŭ **hodiaŭ** je la **16h00**, en Placo **Espero**.

*Rafael LINS, Brazilo (KN 298)*

## junaj eksteraj vizitantoj

Hodiaŭ ni ricevas la viziton de lernejanoj el la Baza kaj Meza Lernejo "Rotary Club São Miguel" inter la 14-a kaj 16-a horo. Ĉiuj estas lernantoj de la portugala lingvo pere de instruistino Iracema LOPES (LKK-anino, KN 1160).

## Rondo Kato

Tridekon da kat-amantoj gastigis la kunsido de Rondo Kato. Ĝiaj partoprenantoj, gvide de Franĉjo Veuthey, diskutis pri lentonposedo, malbonaj rilatoj inter virkatoj samdomaj kaj bremsado al la instinkta ĉasemo de katoj en lokoj kun endanĝerigitaj besto-specioj.

Rondo Kato estas faka asocio por kat-ŝatantoj. *"Folioj de Kat-amikaro"*, ĝia bulteno, aperas 3-foje jare. Vi povas peti provekzempleron ĉe Nwe. Binnenweg 70-I R, NL-3015 BC Rotterdam, Nederlando.

## landa agado

La koncerna UEA-estraranino Michela LIPARI klarigis pri la strukturo, celoj kaj taskoj de tiu fako. Ĝi celas i.a. kolekti pli da informoj pri la surlokaj agadoj. Ŝi prezentis la diversajn Komisionojn kaj Fakoficojn de UEA ligitajn al Landa Agado. I.a. oni okazis pri la projekto *Flugiloj de Facila Vento*, laŭ kiu UEA, kunlabore kun TEJO, sendos junajn instruistojn al landoj, kie tiuj mankas. La publiko petis informojn pri la temo "ĝemelaj urboj" kaj estis pluraj intervenoj pri spertoj de kunlaboro, ekzemple inter Ĉinio kaj Japanio, inter Flandra kaj Kuba Esperanto-Asocioj, kaj pri ĝemeliĝo inter landoj por negocoj.

*Josias BARBOSA, Brazilo (KN 716)* kaj *Maritza GUTIÉRREZ, Kubo (KN 1149)*

## delegita reto (DR)

La kunsidon de DR gvidis Michela LIPARI, estrarano pri Landa Agado, kun ĉeesto de Delegitoj el Finnlando, Usono, Nederlando, Japanio, Brazilo, Estonio kaj Francio. El la diversaj demandoj, sugestoj kaj informoj, notindas la sciigo pri enkondukebleco role de la Jarlibro, ankoraŭ en provo sub la zorgoj de estrarano pri informado. Dezirindas kontaktoj inter la landoj kaj informoj por kaj pri Delegitoj laŭ BR-DR. Estis ankaŭ analizataj la eblecoj de pli ampleksa komunikad-sistemoj por komuna kunlaborado.

*Syntide SCHENK LEDON, Brazilo (KN 247)*

## fervojistoj

Lunde kunvenis 16 gekolegoj el 7 landoj. Prezidis inĝ. István Gulyás, vicprezidanto de IFEF. Li konigis la historion de IFEF kaj raportis pri la 54-a IFEF-Kongreso okazinta en urbo Plovdiv, Bulgario. Li parolis pri la fervojista

E-movado kaj pri la venontaj IFEF-kongresoj. La ĉeestantoj interesiĝis aparte pri la IFEF-kongreso okazonta en Ĉinio 2009. Ili proponis disvastigi la fervojistan E-movadon kunlabore kun alifakaj E-istoj kaj kun aliaj fakaj organizaĵoj.

*István Gulyás, Hungario (KN 315)*

### samseksamaj geesperantistoj

Al novaj venintoj, LSG prezentis aron de numeroj de sia revuo "Forumo" kaj informis pri la decido aliborigi sian 111-paĝon. La ĝenerala kunveno reelektis la estraron kun aldono de unu estrarano el la kongreslando Brazilo. Estis proponoj pri grupa vizitado al lokaj vidindaĵoj. Oni omaĝis forpasintajn LSG-anojn per unuminuta silento.

*Arnold VICTOR, Usono (KN 138)*

### korespondemuloj

Se vi volas trovi korespondanton en Brazilo, lasu vian anonceton en la Budo de Brazila E-Ligo por publikigo en la revuo *Brazila Esperantisto*.

### skoltoj

La membroj de Skolta Esperanto-Ligo renkontiĝos **hodiaŭ** je la **12h15** en la restoracio. Vi rekonos ilin pere de SEL-simbolo kaj ekzempleroj de *La Skolta Mondo* surtable.

*Roberto VIEIRA RESENDE, Brazilo (KN 348)*

### oni preparu la E-movadon por estontaj jaroj!

Kiel instrui Esperanton al infanoj? Kiujn instruhelpilojn vi povas uzi? Per kiu metodo? Se vi interesiĝas pri la temo, vizitu la budon de Brazila Esperanto-Ligo dum la Kongreso (de la 10h00 ĝis la 17h00) kaj parolu al Albione KOR-ITZKY aŭ Celso LIMA. Post la Kongreso, skribu al Tv. da Floresta, 32 – casa 1 – Sepetiba, BR-23545-400 - Rio de Janeiro-RJ.

### arte – UALE

Universala Artista Ligo de Esperantisto, fako ligita al UEA, organizis dumkongresan arteksocizion pri pentroarto dum la 97-a UK. Ĝi troviĝas en la Placo Fundamento kaj ĝin partoprenas sep artistoj kongresantaj: Renaud HETMANEK (Rio de Janeiro), Aparecida LUCAS (São Paulo), Nilza RASZL (Bebedouro), Cleide CENEDESI, Eneida BASTOS kaj Marija ALMADA (Santos). La Juĝkomisiono konsistos el kvar membroj (el Oceanio, Afriko, Nordameriko kaj Eŭropo).

*Marija ALMADA, Brazilo (KN 157)*

### amikaro de Bruno Gröning

Trifoje estos la ebleco ekscii pri la "saniĝo per spiritaj fortoj" kaj praktiki la akcepton de la saniga forto laŭ instruoj de Bruno Gröning. De la prelego de Detlef Meier ne estas nur por aŭskulti sed ĉefe por mem sperti kaj tiel konvinkiĝi. Ankaŭ saniĝintoj raportos pri siaj spertoj. La prelego okazos en **mardo** kun ripeto en **jaŭdo** kaj **vendredo**, je la **12h30** en salono **Lorenz**.

### spiritistoj

Jaŭde, en ĉambro Lapenna (teretaĝo B), je la **11h00** oni lanĉos la libron Nova Aŭroro. Estos ankaŭ prelego pri reproduktado (natura, envitra, klonoj) kaj La Genezo.

*Robinson MATTOS, Brazilo (KN 749)*

### ateistoj

La jarkunveno de ATEO en dimanĉo estis okazo por interŝanĝi ideojn pri ateismo, pri la funkcio de la fakbultenо kaj pri la rolo de tiu asocio. Elektiĝis nova estraro: Claude NOURMONT, prez., Neil BLONSTEIN, vic-prez., Dieter ROOKE, kasisto kaj redaktoro Jesus de LAS HERAS. Oni pretigis la skemon de kunsido pri "Ateismo nuntempe", kiu okazos kun intervenoj de Orlando RAOLA (Usono), José LUNAZZI (Brazilo), Anna LÖWENSTEIN (Britio) kaj Gabriel ZEEVI (Israelo).

*Claude NOURMONT, Luksemburgio (KN 515)*

### E-filatelistoj kaj esperantaĵ-kolektantoj

La membroj de ELF-AREK, la Esperanto-Ligo Filatelista, invitas diverstemajn kolektantojn kunveni en **vendredo**, je la **17h00**, ĉe la tabloj proksimaj de la benkoj en la mezo de Placo **Fundamento**. Kontaktu ankaŭ la redaktanton, se vi ne konas alian ELF-AREK-anon.

*Elda DORFLER, Italio (KN 523)*

## nemenciitaj en la Kongresa Libro pro teknika eraro...

Se via nomo aŭ adreso mankas, kontaktu la redaktantojn de la Kongresa Kuriero

## laste aliĝis...

SN

1397 Tron [illegible], [illegible] Norvegio
1398 Eilen [illegible], [illegible] Norvegio
1399 Allana B. FARIAS LESSA, [illegible] – Vitória da Conquista-BA BR-45[illegible]
1400 Juliana LESSA OLIVEIRA, R. [illegible] de Jonas, 85 - Vitória da Conquista-BA BR-45[illegible]
1401 Mayana Lessa OLIVEIRA, R. [illegible] de Jonas, 85 – Vitória da Conquista-BA BR-45[illegible]
1402 Joaquim João MARIANO, [illegible] – Goiânia-GO BR-74[illegible]
1403 Dalva Maria ALVES, [illegible] – Goiânia-GO BR-74[illegible]
1404 Sonaia SOUZA, [illegible] – Brazilo
1405 Waldemar Oliveira SOUZA, R. [illegible], 234, Centro – Candeias-BA BR-43[illegible]
1406 Josenilton NASCIMENTO, Av. Dendezeiros, 195, Bonfim – Salvador-BA BR-40415-000
1407 Juliano Paiva JUNHO, Av. Dendezeiros 195, Bonfim – Salvador-BA BR-40415-000
1408 Judismar MIRLADO, R. Eng. Ricardo Franco, 286-B, Centro Norte – Cuiabá-MT BR-78[illegible]
1409 Lívia PESSANHA PESSOA, R. Custódio Pereira, 774 – Lorena-SP – Brazilo
1410 Giselle PESSANHA PESSOA, R. Custódio Pereira 774 – Lorena-SP – Brazilo
1411 Maria Eugenia ALONSO GUTIÉRREZ, Malecon # 659 – Havano, Kubo
1412 José F. O. BARBOSA, R. dos Engenheiros, 40-B, Esquina B, Vila Planalto – Brasília-DF – Brazilo
1413 Aparecida de Lurdes LUCAS, R. Apinajes, 1370 [illegible] – São Paulo-SP BR-[illegible]
1414 Hanne WELLING, Zum Ortelbrink 42 DE-49205 Hasbergen, Germanio
1415 Hans WELLING, Zum Ortelbrink 42 DE-49205 Hasbergen, Germanio
1416 Adani MAIA, R. São João del Rey, 130 – Contagem-MG BR-32[illegible]-170
1417 Luiz Marcio ASSUNÇÃO, R. Caetano Ribeiro, 425 – Olinda-PE BR-53[illegible]-140
1418 Eluizio B. RODRIGUES, R. Prof. Horácio M. Camargo, 120/14 – Sorocaba-SP BR-18048-105
1419 Manoel Blaz GARCIA, Av. São Paulo, 1494 – Sorocaba-SP BR-18013-003
1420 Angela RODRIGUES, R. Prof. Horácio M. Camargo, 120/14 – Sorocaba-SP BR-18048-105
1421 Manoel Borges dos SANTOS Filho, R. Dr. Zamenhof, 116 – Maracás-BA – Brazilo
1422 Allael Kardec BORGES, Sítio Saara – Santo Estêvão-BA BR-44190-000
1423 Tania de Santana BORGES, Sítio do Aragão – Santo Estêvão-BA BR-44190-000
1424 Denise MARINELLI, R. Prof. Domingos Cambiaghi, 265 – Lorena-SP BR-12610-000
1425 Alberto CUROPOS, R. Dois de Dezembro, 131/1003 – Catete-RJ BR-22220-040
1426 Ronilson M. Mota, Av. Cardeal da Silva, 523/502, Federação – Salvador-BA
1427 Damir MALKOC, Krapinsko Naselje HR-31000 Osijek, Kroatio
1428 Cida TUON, R. Bela Cintra, 262/73A – São Paulo-SP – Brazilo
1429 Carlos A. ARAGÓN ESPERANZA, Calle del Refugio, 402 MX-68080 Oaxaca, Meksiko
1430 Aurora GARCIA RODRIGUEZ, 5 de Mayo, 105 MX-68131 Oaxaca, Meksiko
1431 Eréndira ARAGÓN SANCHEZ, Calle del Refugio, 402 MX-68080 Oaxaca, Meksiko
1432 José de Paula SANTOS, R. Barra do Mendes, 70, casa 01 – Rio de Janeiro-RJ BR-22753-530

*Pliaj sekvos – Ni jam atingis 1483 aliĝintojn!*

Io raportinda?
Ĉu via informo estas
grava por la Kongreso?

Ne nur disklaĉu ĝin sur la koridoroj!
Sendu ĝin al nia kuriero:

**kuriero87uk@bol.com.br**



*La Bela Sonĝo* ***de l'Omaro***

**87-a Universala Kongreso de Esperanto**

**Respondeca redaktanto**
James Rezende Piton (KN 191)

**Kunredaktantoj**
Isis Clemany Okubo Piton (KN 235)
Ernes Vasco Milanez (KN 224)
Mauricio Signorini P. de Almeida (KN 688)

# La Bela Sonĝo de l'Omaro

Kongresa Kuriero de la
87-a Universala Kongreso de Esperanto - Fortalezo, Brazilo
**Ĵaŭdo, la 8-an de Aŭgusto 2002.**

**N-ro 4**





87-a Universala Kongreso de Esperanto
Fortaleza-Brazilo
03-10 aŭgusto 2002


## La Akademio de Esperanto renkontiĝas kun kongresanoj

Kiel kutime, la Akademio de Esperanto organizis du kunsidojn ĉi-kongrese: unu fermitan kaj unu publikan. En la publika renkontiĝo, partoprenis dek tri akademianoj (el kvardek kvar) kaj alvenis okdeko da aliaj kongresanoj. La prezidanto de AdE, prof-ro Geraldo MATTOS, mallonge prezentis la Akademion kaj ties historion. Poste ĉiu akademiano prezentis sin mem kaj siajn interesojn kaj agadkampojn. Sekvis demandoj de la ĉeestantoj. Menciindas, ke AdE nun havas TTT-ejon, kiu enhavas multe da informo pri ĝi. La adreso estas **http://www.akademio-de-esperanto.org**. Lingvajn demandojn oni povas sendi al la Konsultejo de la Akademio de Esperanto, sub la adreso de Stefan MAUL, Pferseer str. 15, DE-86150 Augsburg, Germanio. Retpoŝte: smaul86150@aol.com.

*Christer KISELMAN, Svedio, (KN 1117)*

## ŝanĝetoj en la Programo...

- TADEN, la faka asocio de ne-fumantoj, okazigos sian kunvenon **hodiaŭ** (anstataŭ la anoncita vendreda posttagmezo), de la **10h15** ĝis la 11h00, en salono **Harabagiu**.

*Rob Moerbeek, Nederlando (KN 64)*

### Unesko - Korekto pri informo

En salono **Harabagiu**, je la **16h00** (anstataŭ 17-a, kiel informite) **hodiaŭ** okazos la prelego de s-ro Patrick Gallaud pri Unesko, Neregistaraj Organizoj kaj starigo de Unesko-kluboj.

- hodiaŭ en ĉambro **Lapenna** (teretaĝo B), je la **11h00** oni lanĉos la libron Nova Aŭroro. Estos ankaŭ prelego pri reproduktado (natura, envitra, klonoj) kaj La Genezo.

*Robinson MATTOS, Brazilo (KN 749)*

- ELF-AREK, la Esperanto-Ligo Filatelista, invitas diverstemajn kolektantojn kunveni en **vendredo**, je la **17h00**, ĉe la tabloj proksimaj de la benkoj en la mezo de Placo **Fundamento**.

*Elda DÖRFLER, Italio (KN 523)*

## Belartaj Konkursoj – ĉijaraj premiitoj laŭ la diversaj branĉoj

**Infanlibro de la jaro** – 3 konkurintoj – Unua premio: "Kuniberto kaj Kilevamba" (G. Pausewang, tradukis Nora Caragea).

**Prozo** – 18 konkuraĵoj – Unua premio: "Sekretoj" (Paulo Sérgio Viana, Brazilo); Dua Premio: "Malsukceso" (Dani Spielhofer, Aŭstrio) kaj "Pro savo de Homo" (Lena Karpunina, Germanio).

**Teatraĵo** – 3 konkuraĵoj – premioj ne aljuĝitaj.

**Poezio** – 46 konkuraĵoj de 17 poetoj – Unua premio: "Floraj haikoj" (Anatole Taras Lubovich, Usono); Dua premio: "Kio okazis?" (Anja Karkiainen, Finnlando); Tria premio: "Arte fari" (Marie-France Conde Rey, Francio).

**Eseo** – 5 konkuraĵoj – Unua premio: nealjuĝita, Dua premio: "Mezuro de informo-kvanto" (Christian Rivière, Francio); Tria premio: "Diverseco: defio, ne minaco" (István Ertl, Belgio).

**Kanto** – Unua premio: "Preĝo el inter ruinoj" (Anatole Taras Lubovich, Usono); Dua premio: "Homarano" (Alejandro Cosavella, Argentino); Tria premio: "Jula enigmo" (muziko: Christian Spitzer kaj teksto: Christian Rivière, Francio).

**Vidbendo** – Unua premio: "Pluraspecaj eroj" (Sylvia Chaves, Brazilo); Honora Mencio: "Felix Romuliana" (E-grupo de Zaječar, Serbio).

*Raportis Georgo HANDZLIK (KN 1312), sekretario de Belartaj Konkursoj de UEA.*

## Rotarianoj – hodiaŭ!

Esperantistaj rotarianoj kongresantaj en Fortalezo renkontiĝos **hodiaŭ** je la **11h30** antaŭ la **Rendevua Tabulo** por poste viziti Rotarian Klubon en Fortaleza ĉe Klubo "Náutico Atlético Cearense". RADE *(Rotaria Amikaro de Esperantistoj)* estas la plej malnova fak-asocio oficiale registrita en Rotario Internacia (1928).

## oni preparu la E-movadon por estontaj idaroj!

Kiel instrui Esperanton al infanoj? Kiujn instruhelpilojn vi povas uzi? Per kiu metodo? Se vi interesiĝas pri la temo, vizitu la budon de Brazila Esperanto-Ligo dum la Kongreso (de la 10h00 ĝis la 17h00) kaj parolu al Alcione KORITZKY aŭ Celso LIMA. Post la Kongreso skribu al Tv. de Floresta, 32 – casa 1 – Sepetiba, BR-23545-400 - Rio de Janeiro-RJ.

## amikaro de Bruno Gröning

Trifoje estos la okazo ekscii pri la resaniĝo per spiritaj fortoj kaj praktike la akceptom de la saniga forto laŭ instruoj de Bruno Gröning. Do la prelego de Detlef Meier ne estas nur por aŭskulti sed ĉefe por mem sperti kaj tiel konvinkiĝi. Ankaŭ saniĝintoj raportos pri siaj spertoj. La prelego okazos en **mardo** kun ripeto en **jaudo** kaj **vendredo**, je la **12h30** en salono Lorenz.

## radioamatoroj

Pli ol 15 esperantistaj radioamatoroj feliĉas ĉeesti la kongreson. Du el ili estas fortalezanoj kaj sukcesis jam dimanĉon vespere eterkontaktojn en Esperanto kun Siberio, Nordeŭropo kaj Brazilo. Gastoj de la Ceara prezidanto de radioamatoroj, ni poste propagandis pri Esperanto al pluraj diversaj stacioj. En mardo, matene, oni kunsidis por pritrakti diversajn punktojn rilate al la vivo de ILERA, la Internacia Ligo de E-istaj Radioamatoroj kaj solvis plurajn problemojn pri bultenoj, randevuoj, diversaj kontakt-mentoroj... kaj kongres-stacio. Merkredon vespere daŭros la vizito de la prezidanto de loka radioamatora grupo, neesperantisto, kiu loĝas en strato Esperanto de Fortalezo.

*Renata CHASSARD, F5RC, Francio (KN 324)*

## Oomoto

Al lutelona salono, post prezento de filmo pri la religio Oomoto, S-ro Yoshimitsu MATSUTO en la unua fakkunsido de Oomoto prelegis pri la "Idealo kaj praktiko de la monda federismo". Prof. Ŝigeki MAEDA siavice prelegis pri kelkaj Oomoto-instruoj kaj invitis ĉiujn al praktikado de la meditado ĉinkon, kiu estos prezentata ankaŭ **hodiaŭ** kaj **vendrede**. Pri la rilato inter Esperanto kaj Oomoto prelegis Joel BROZOVSKY kaj poste ĉiuj kantis la Fundamentan Misi-Kanton de Oomoto kaj la kanton "Sopirado", dum kiuj elstaris la gitarludado de S-ro Kiyotaka ASAI.

## Subkomitato: landa agado

Atilio ORELLANA ROJAS raportis pri la agado de la regionaj komisionoj, atingoj kaj malfacilaĵoj. Oni pritraktis la laborplanon de UEA por LA (Landaj Asocioj). Diversajn proponojn oni prezentos al la UEA-Komitato, ankaŭ tiun pri la bezono nomumi respondeculojn en la regionoj por atenti la ĝemeliĝajn agadojn. La komitatanoj aŭskultis raportojn pri la agado en Francio, kiu efike rezultigis trovadon de mono kaj informadon pri lingva problemo.

*Maritza GUTIERREZ, Kubo (KN 1149)*

## *araba agado*

Kvindek partoprenantoj ricevis raportojn kaj diskutis la agadon de la UEA-Araba Komisiono. Ĝis nun la plejmulto de la agado estas farita de eŭropaj esperantistoj sed baldaŭ pli da arablingvaj parolantoj gajnos sperton en Esperanto kaj povus ludi pli gravan rolon en siaj propraj landoj.

> **Kontribuoj al Afriko**
>
> Ekde hodiaŭ (lundo), je la 14h00, funkcios ĉiun tagon la **Afrika Budo**. Ĉiaspeca helpo kaj monsubteno estas bonvena kaj oni donu ilin nur al tiu Budo de UEA.

Atilio Orellana Rojas prezentis raporton pri agado dum la lastaj 3 jaroj kaj konfirmis, ke eble 50 homoj en Jordanio interesiĝas pri 3-jara kurso en Esperanto. Oficisto de Unesko oferis helpi. Multaj enketoj pri Esperanto alvenis de arabaj landoj. Atilio raportis pri progreso kun la araba-Esperanta vortaro kaj la starigo de interreta hejmpaĝo. Oni preparas informacon en la araba lingvo kaj la Praga Manifesto nun estas havebla. Post la 87a UK, ekskurso (aŭ vere ekspedicio) vizitos kelkajn arabajn landojn. Tiuj, kiuj interesiĝas pri tio povas informi al UEA. Arabaj landoj menciitaj estas: Libano, Jordanio, Maroko, Sirio, Egiptio, Alĝerio, Tunizio kaj Libio.

*Atilio ORELLANA ROJAS, Nederlando (KN 662) kaj V. R. MOORE, Novzelando (KN 1116)*

## fakkunsido de SAT

Okazis en lundo, kun partopreno de 27 personoj el kiuj 13 SAT-memoroj. Prezidis Ledon kaj Yamasaki, kiuj klarigis, ke tiu ĉi kunsido havas kiel taskon informi pri SAT, korektante plurajn miskomprenojn kaj ekspliki ke SAT ne estas politika organizo, sed organizo por klerigi la laboristaron per Esperanto. Komplementis Lutermano.

Raportis Chariot pri la SAT-Kongreso en Alicante, precipe pri la Statutŝanĝo entenanta revizion pri la elektomaniero de la Plenumkomitato. Diskuto estis arda sed humurplena, interalie pri la neceso batali kontraŭ la tiel nomata tutmondiĝo, cifiro de la laboristo, de la neŭtraleco, pri la neceso de neŭtrala organizo paralele kun la amikaj rilatoj kun UEA kaj kontribuo al la esperanta kulturo en la formo de nova PIV.

## http://www.abonu.com/catalog/esperanto.kuriero

Tio estas adreso de hejmpaĝo por listo ĉe ABONU.COM (**http://www.abonu.com**), kiu dum la semajno dissendas nian Kurieron al tiuj, kiuj ne venis al la 87-a UK. Cetere, se postkongrese eventuale mankos al vi numero de *La bela Sonĝo de l'Omaro*, la serio troviĝas ankaŭ en la hejmpaĝo **http://www.uea.org/kongresoj**.

## antaŭkongreso en Rio kaj Salvador

Plej sukcesa estis tiu aranĝo. 14 personoj el 10 landoj partoprenis (Francio, Nederlando, Germanio, Hispanio, Svislando, Luksemburgio, Britio, Kroatio, Pollando kaj Nov-Kaledonio). Tre afablaj homoj miris, eksciante ke ni kapablis interparoli kaj pri niaj multnombraj devenlandoj. Ni ĝuis la mirakovron de la granda urbo Rio de Janeiro kaj tiun de la tre bela malnova urbo Salvador. Alvenante en São Paulo en vintra temperaturo, 10 °C, ni povis viziti plurajn tre malsamajn regionojn de Brazilo. Ni renkontis gesamideanojn en la du vizititaj urboj kaj estis plej kore akceptitaj, ni dankas al ili plej sincere.

*Mireille GROSJEAN, Svislando (KN 449)*

## Aŭkcio

**Vendredon**, je la **14h30**, en salono **Hodler**, okazos novspeca AŬKCIO. Nepre venu – vi povus akiri valoran objekton por minimuma monsumo! Sed nepre venu kun tuj donebla mono. Akireblos vere valoraj, maloftaj esperantaĵoj. La mono, kiun la proponintoj donacis, iros al la Fondaĵo "Lingvo de Paco" (Irano/Afganio). Gvidos la Generala Direktoro de UEA Trevor STEELE.

## saniĝo per spiritaj fortoj

En la prelego estis prezentita la vivo de s-ro Bruno Gröning (1906-1959), la plej fama saniganto de Germanio kaj ankaŭ lia instruo, la ĉefa enhavo por igi sin al la akcepto de la Dia saniga vivoforto. Poste raportis Detlef Meier pri sia saniĝo de perturboj de la manĝokutimoj kaj deprimo, kaj Harald Hombach pri sia saniĝo de dorsodoloroj. Ankaŭ eblas partopreni tiun prelegon **ĵaŭde** kaj **vendrede** je la **12h30** en salono **Lorenz**.

*Detlef MEIER, Germanio (KN 435)*

## Aparecida de SOUZA ARAÚJO (KN 573)

...estas la ĝusta nomo de unu el la artistoj de nia dumkongresa arta ekspozicio. Oni tie ne nur korektas misinformon, sed kaptas la okazon por gratuli ŝin, ĉar ŝi estas la ricevinto de la Unua Premio aljuĝita de kvarlanda komisiono dum tiu aranĝo organizita de UALE.

## "Nia urbo en la mondo"...

...estas la temo de festo organizita por la asocioj de nia urbo. Nia esperanta grupo bezonas vian helpon! Bonvolu sendi poŝtkarton al *La Verda Stelo – Esperanto 94, 3 / 507 rue Pablo Picasso, F-94600 Choisy Le Roi – Francio*. Diskonigu al viaj geamikoj. Dankon!

*Sylviane kaj Henri Lafargue, Francio (KN 321, 326)*

## voko al instruistoj de Esperanto!

Aŭstralia ILEI-sekcio atentigas pri nova katalogo de profesie faritaj afiŝoj en Esperanto, mendeblaj poŝte aŭ rete. Venu rigardi ekzemplojn ĉe ILEI-Budo.

## Aŭtoraj Duonhoroj, ĉe la Libroservo

*Ĵaŭde* *(matene): Anri WANDEL pri la libroj "Astronomia Almanako" kaj "Kosmo kaj Ni" kaj la KD "Bonvenu Paco"*
*(posttagmeze): José CALIXTO*

*Vendrede* *(matene): Gunnar GÄLLMO*
*(posttagmeze): LEE Chong-Yeong*

## *Paltalk* kaj aliaj babilejoj

La partoprenantoj de interretaj babilejoj (*Paltalk*, *Karelia* k.s.) ŝatus vid-al-vide renkontiĝi por cerbumi pri kreskoplanoj kaj klopodi kontakti aliajn partoprenantojn, kiuj ne sukcesis veni al la Kongreso ("Virtuala Kongresero"). Bonvolu kunveni hodiaŭ ĉe la pordo de salono **Almada**, je la **16h00**.

*Orlando Raola, Usono (KN 1154)*

## ekologiemuloj!

Se vi interesiĝas pri la disvastigo de Esperanto inter la ekologiemuloj, bonvolu kontakti min por ke ni povu prilabori planon tiucele. Ni kunsidos hodiaŭ je la 17h30 ĉe la placo **Fundamento.**

*Aristophio Alves Filho, arikonbexi@ig.com.br (KN 603)*

## Bruno VOGELMANN forpasis

Pere de la retinformejo NUN oni eksciis pri la ĵusa forpaso de Honora Membro de UEA, Bruno Vogelmann (1909-2002). Esperantisto ekde 1926, li estis kunaŭtoro de *Internacia Ekonomika Vortaro* kaj aŭtoro de *La Nova Realismo* (tradukita el Esperanto en 25 naciajn lingvojn). Li ricevis premiojn Deguĉi (1992) kaj FAME (1993).

## nemenciitaj en la Kongresa Libro pro teknika eraro...

Se ankaŭ via nomo kaj adreso mankas, kontaktu la redaktantojn de la Kongresa Kuriero

1020 Edna RODRIGUES SARDEIRO, Quadra 05 Norte, Casa 131, Brazlândia-DF, BR-72705-050

1095 Christine THEANO, Christ-Roi, Imp. Romane #21, Port-au-Prince HT-6111, Haitio

1096 Eddy A. SILVA MOLINA, Sucursal Ciudad Jardin, Apdo Postal T-67, Managua 12, Nikaragvo

## laste aliĝis...

(KN)

1433 João NUNES LINS, R. Almte. Guilhem, 454, Leblon – Rio de Janeiro-RJ BR-22440-000

1434 Laura de CARVALHO, R. Muniz Barreto, 396/103, Botafogo – Rio de Janeiro-RJ

1435 Paulo R. FREITAS CARVALHO, R. Clara Nunes, 50/1001 – Rio de Janeiro BR-22775-110

1436 Fernanda Moura FERREIRA, Q E 26, conj. 2, casa 8, Guará-II – Brasília-DF BR-31060-171

1437 Daisy B. ALVES, R. Marques de Abrantes, 152/1003 – Rio de Janeiro-RJ BR-22230-061

1438 Deolinda VERA LOPEZ, Av. Fernando de la Mora, 1537 A – Asunción, Paragvajo

1439 Maria R. WILLIAMS, R. Prof. Quintino do Vale, 82/607 – Rio de Janeiro-RJ BR-20250-030

1440 Daniel Feliz PEREIRA LUZ, Caixa Postal 840 – Rio de Janeiro-RJ BR-20001-970

1441 Givanildo Ramos COSTA, R. Evanir Pereira da Costa, 90, Bangu – Rio de Janeiro-RJ

1442 Juracy Ferreira dos SANTOS, R. Evanir Pereira da Costa, 90, Bangu – Rio de Janeiro-RJ

1443 Márcia Couto SOARES, R. Evanir Pereira da Costa, 90, Bangu – Rio de Janeiro-RJ

1444 Renaud HETMANEK, R. Marapendi, 244/202, Marechal Hermes – Rio de Janeiro-RJ

1445 José Uchoa de AMORIM JÚNIOR, R. Dom Jerônimo, 1003, Bairro Benfica

1446 Leandro de SOUZA, R. 1001, 40/801 – Balneário Camboriú-SC BR-88330-000

1447 Maria Bernadete Godoy SOUZA, R. 1001, 40/801 – Balneário Camboriú-SC BR-88330-000

1448 Walter CEBULSKI, 6741 N. Leoline Ave. Chicago-IL 60646, Usono

1449 Sebastião Paulino CAMPELO, R. Lemos Cunha, 538/307-B, Icaraí – Niterói-RJ - Brazilo

1450 Claudenice F. ROCHA, R. Manêncio Martins, 400 – Foz do Iguaçu-PR BR-85853-130

1451 Agnaldo COSTA PEREIRA, R. Agra, 14, Térreo, Liberdade – Salvador-BA - Brazilo

1452 Grace Lis Proença M. C. BARRETO, R. Aldo Lupo, 692 – Araraquara-SP BR-14802-520

1453 Yoshio AGO, Oomoto-Tokyo-honbu-Bendata Taito-ku Tokyo-to JP-110-0008, Japanio

1454 Humberto LOPES, Chácara, 10 – Brazlândia-DF BR-72701-970

1455 Raquel FEIJÓ DE ARAÚJO, R. Dr. Hélio Viana – Fortaleza-CE BR-60320-240

1456 Isabel do Ó ROSAS, R. Moreninha Irice, 407 – Fortaleza-CE BR-60455-310

1457 Amélia BARBOSA PINHEIRO, Q10 Casa 50A S/Norte – Brazlândia-DF BR-72710-100

1458 Amauri BATISTA DOS SANTOS, R. Bebedas 39/55, Saúde – São Paulo-SP BR-04302-010

1459 Harue SUMI IWASAKI, R. Biebedas 39/55, Saúde – São Paulo-SP BR-04302-010

1460 Pedro Barbosa PINHEIRO, Q10 Casa 50A S/Norte – Brazlândia-DF BR-72710-100

1461 Gabriela Barbosa PINHEIRO, Q10 Casa 50A S/Norte – Brazlândia-DF BR-72710-100

1462 Sara Barbosa PINHEIRO, Q10 Casa 50A S/Norte – Brazlândia-DF BR-72710-100

1463 Samita Barbosa PINHEIRO, Q10 Casa 50A S/Norte – Brazlândia-DF BR-72710-100

1464 Celso FONSECA JÚNIOR, R. José Bonifácio, 598 – Sales Oliveira-SP BR-14660-000

1465 Maria Antonia ETCHEGARAY, R. Jambeiro, 150 – Piracicaba-SP

1466 Laudemir Niro MIYHASITA, Av. Cons. Laurindo, 80/502, Centro

*Pliaj sekvos – Ni jam atingis 1484 aliĝintojn!*

**Io raportinda?**
**Ĉu via informo estas**
**grava por la Kongreso?**

Ne nur disklaĉu ĝin sur la koridoroj!
Sendu tion al nia kuriero:

**kuriero87uk@bol.com.br**



*La Bela Sonĝo* **de l 'Omaro**

**87-a Universala Kongreso de Esperanto**

**Respondeca redaktanto**
James Rezende Piton (KN 191)

**Kunredaktantoj**
Ísis Climany Okabo Piton (KN 235)
Jimes Vasco Milanez (KN 224)
Maurício Signorini P. de Almeida (KN 688)

# La Bela Songô

# de l'Omaro




Kongresa Kuriero de la
87-a Universala Kongreso de Esperanto - Fortalezo, Brazilo
**Vendredo, la 9-an de Aŭgusto 2002.**

**N-ro 5**

## La Kongresa Temo – dua kunsido

La dua kunsido pri la kongresa temo, "Diverseco – ŝanco, ne minaco", traktis precipe la duan demandon sur paĝo 32 de la Kongresa Libro: "Kiuj estas la ĉefaj demandoj pri socia kaj kultura diverseco en via propra socio? Kion oni faras pri ili, kaj laŭ kiuj principoj?" Kvin personoj el Brazilo, Hispanio, Luksemburgio, Venezuelo kaj Aŭstralio partoprenis podian diskuton pri tiu temo por komenci la kunsidon kaj poste la tuta ĉeestantaro (pli ol cent homoj) dividiĝis en dek malgrandajn grupojn por pridiskuti la demandon. Ili estis petataj konsideri precipe la lingvan dimension de diverseco kaj por antaŭenigi la diskuton oni prezentis al ili gamon de manieroj trakti lingvan diversecon en difinita socio, ekde kompleta subpremo de difinita minoritata lingvo, tra ĝia kuraĝigo, tolero, akcepto kaj subteno, ĝis aktiva disvastigo de la koncerna lingvo. Multaj landoj kaj mondopartoj estis reprezentataj en la diskutoj kaj ne eblas resumi ĉiujn opiniojn esprimitajn aŭ faktojn prezentitajn, sed kelkaj ĝeneralaj trajtoj ja estas citeblaj:

- Dum la pasinta dudeko aŭ trideko da jaroj, en multaj landoj oni fariĝis pli konscia pri la neceso konservi la diversecon ene de la diversaj socioj kaj pli tolera pri lingva kaj kultura diverseco. Ekestis konscio ekzemple pri regionaj diferencoj kaj la rajtoj de regionoj. Tiu nova spirito manifestiĝas ekzemple en la Deklaracio de Unesko pri Kultura Diverseco (Novembro 2001), kiun la Unesko-reprezentanto, s-ro Patrick Gallaud, citis en la dimanĉa kongrestema kunsido.
- Tamen la politikoj en la diversaj landoj restas tre variaj. En kelkaj landoj la lingvaj rajtoj de minoritatoj estas tre minimumaj, se ili entute ekzistas; kaj en aliaj, la programoj, kiuj celas helpi la minoritatojn, estas neefikaj pro korupto aŭ pro forsuĉo de rimedoj por aliaj celoj.
- Necesas distingi inter la rajtoj de, kaj respondecoj antaŭ, indiĝenaj grupoj, kaj la rajtoj de, kaj respondecoj antaŭ, enmigrintaj grupoj. Oni povas argumenti, ke ĉe indiĝenaj grupoj ekzistas certaj teritoriaj rajtoj al lingvo kaj kulturo, kiuj ne ekzistas ĉe enmigrintoj.
- Tamen povas ekesti certa konflikto inter la demokratia principo kaj la teritoria principo, en tio, ke difinitaj popoloj povus esti traktataj diversmaniere depende de la geografia situo kaj sekve ne ĝui rajtojn egalajn al tiuj de aliaj civitanoj.
- Ĉe enmigrintoj, la registaroj malmulton faras por konservi la scion de la gepatraj lingvoj, ĉar ili favoras integriĝon aŭ asimiliĝon. Ili eventuale tiel perdigas al si lingvosciajn rimedojn valorajn por la evoluigo. Aliflanke, la emo de enmigrintaj grupoj ne integriĝi lingve kaj kulture foje kaŭzas reziston kontraŭ enmigrantoj.
- Eĉ la plej belaj garantioj pri minoritataj rajtoj malmulton signifas se infanoj ne havas aliron al edukado en la gepatraj lingvoj kaj pri la gepatraj kulturoj, aŭ al edukado entute.
- En la moderna mondo, apenaŭ eblas ignori la diverslingvecon eĉ ene de unuopaj ŝtatoj. Necesas, ke ĉiu ŝtato havu klaran politikon pri tiu demando, kiu ne estu limigita al nura unulingvismo kaj kiu agnosku kaj apogu iun gradon de lingva diverseco.

*Humphrey TONKIN, Usono (KN 14) kaj Jane Edwards, Usono (KN 1075)*

## ŝanĝetoj en la Programo...

- FILF-AREK, la Esperanto-Ligo Filatelista, invitas diverstemajn kolektantojn kunveni **hodiaŭ**, je la **17h00**, ĉe la tabloj proksimaj de la benkoj en la mezo de Placo **Fundamento**.

*Elda DÖRFLER, Italio (KN 523)*

## refondo de la Budhana Ligo Esperantista

Ĉiuj budhanoj kaj interesatoj pri budhismo estas kore bonvenaj al la kunveno, **hodiaŭ**, je la **12h00**, en salono **Almada**. Kiam estos refondita la Budhana Ligo Esperantista. Dum **aŭtora duonhoro** tuj antaŭe (**11h30**), G. Gällmo prezentos siajn libron "Kelkaj faktoj pri la budhismo" kaj tradukon de la Dhammo-pado.

*Gunnar GÄLLMO, Svedio (KN 371)*

**redaktofino por la venonta numero de "Esperanto"**

La limdato por kontribuaĵoj (raportoj, fotoj, impresoj) taŭgaj por la kongresa numero de Septembro estos

**la 20-a de Aŭgusto.**

## Ekumena Diservo

KELIKUE informas, ke hodiaŭ, je la **18h00**, Ekumena Diservo okazos en nia kongresa **Placo Espero**. Ĉiuj estas bonvenaj!

*Marciano SCHAEFFER, Brazilo (KN 941)*

## rotarianoj

Dum la kongresa semajno, kvinmembra delegacio de diverslandaj esperantistaj rotarianoj vizitis du rotariajn klubojn en Fortalezo kaj tie prelegis pri Esperanto. Ankoraŭfoje evidentiĝis la granda malfermiteco de la Rotaria Movado por Esperanto kaj ankaŭ en Fortalezo multaj rotarianoj pretas lerni fremdan lingvon, se ni sendos al ili instruiston.

Rotario estas la plej granda NRO en la mondo, kiu subtenas ampleksan programon de humanitaraj projektoj en la kvin kontinentoj. Kun membroj en 162 landoj, Rotario ĝuas privilegian financan situacion, sed alfrontas enorman lingvan problemon! Esperanto estas tre simila movado, kun malmulte da mono sed kun bonega solvo de la lingva problemo! La "Strategia Plano" de R.A.D.E. (Rotaria Amikaro de E-istoj) antaŭvidas alveni al la 100-jara datreveno de Rotario (2005) kun serioza propono prezentata de pluraj Rotariaj Distriktoj pledanta por la uzo de Esperanto inter rotarianoj kaj precipe inter ties junaj membroj.

*Giuseppe GRATTAPAGLIA, Brazilo (KN 326)*

## korekta adreso por "Le Monde diplomatique"

La adreso de "Le Monde diplomatique" antaŭe donita ne estas kompleta – mankas la fina "htm". Notu la korektan adreson: **http://membres.lycos.fr/vilhelmo/lemondediplomatique.htm**

*Vilhelmo LUTERMANO, Francio (KN 772)*

## oni preparu la E-movadon por estontaj jaroj!

Kiel instrui Esperanton al infanoj? Kiujn instruhelpilojn vi povas uzi? Per kiu metodo? Se vi interesiĝas pri la temo, vizitu la budon de Brazila Esperanto-Ligo dum la Kongreso (de la 10h00 ĝis la 17h00) kaj parolu al Aldone KORITZKY aŭ Celso LIMA. Post la Kongreso, skribu al Tv. da Floresta, 32 – casa 1 – Sepetiba, BR-23545-400 - Rio de Janeiro-RJ.

## amikaro de Bruno Gröning

Triafoje estos la ebleco ekscii pri la 'saniĝo per spiritaj fortoj' kaj praktiki la akcepton de la saniga forto laŭ instruoj de Bruno Gröning. Do la prelego de Detlef Meier ne estas nur por aŭskulti sed ĉefe por mem sperti kaj tiel konvinkiĝi. Ankaŭ saniĝintoj raportos pri siaj spertoj. La prelego ree okazos **hodiaŭ**, je la **12h30**, en salono **Lorenz**.

*Detlef MEIER, Germanio (KN 450)*

## amika rondo de partneroj kaj kontakturboj

**Hodiaŭ**, je la **16h00** – 16h30 apud la malgranda **podio** (ĉe la arta ekspozicio) oni kunvenos por pritrakti du temojn: 1) Parko de la Mondo en Malborko/Pollando, je la 10.09.02 – inaŭguro de memorŝtonoj kun arboj i.a. por Neubrandenburgo kaj fare de L. Zaleski-Zamenhof por Francio. 2) interkonsento pri informado kaj kunlaboro inter E-radiostacioj (Pekino, Havano/Kubo, Neubrandenburgo ktp.) kaj inter gazetoj (Brazila E-isto, Litova Stelo ktp.).

*Hans-Jürgen FOTH, prezidanto de Esperanto Klubo Neubrandenburg, Germanio (KN 94)*

## Ateisma forumo

'Ateismo en la nuna mondo' estos la temo de Forumo okazonta **hodiaŭ** je la **15h15** en salono **Lorenz**. Estos intervenoj pri ateisma edukado de infanoj, pri scienco kaj religio kaj pri religiaj tendencoj en proksima oriento.

*Claude NOURMONT, Luksemburgio (KN 515)*

## Oomoto

**Hodiaŭ** okazos Oomoto-moso en salono **Lapenna**, je la **9h00**, en la tria fakkunsido.

## saniĝo per spiritaj fortoj

En la prelego estis prezentita la vivo de s-ro Bruno Gröning (*1906-1959), la plej fama saniganto de Germanio, kaj el lia instruo la ĉefa enhavo por ligi sin al la akcepto de la Dia saniga vivoforto. Poste raportis s-ro Detlef Meier pri sia saniĝo de perturboj de la manĝkutimoj kaj deprimoj. S-ro Harald Hombach pri sia saniĝo de dorsodoloroj. Ankaŭ eblas partopreni tiun prelegon ĵaŭde kaj vendrede je la 12h30 en salono **Lorenz**.

*Detlef MEIER, Germanio (KN 450)*

## dankesprimo de Michela Lipari, UEA-estrarano pri Landa Agado

Mi dankas ĉiujn kongresanojn, kiuj bonvolis finance kontribui por subteni la partoprenon en tiu ĉi de du latinamerikaj gesamideanoj. Oni ne forgesu, ke Fondaĵo Ameriko de UEA daŭre bezonas rimedojn por pluraj subtenindaj projektoj tra la kontinento. Vizitu:

**http://www.geocities.com/espameriko**

## Esperantologia Konferenco: la kulturo de Esperanto

Hodiaŭ, de la **14h00** ĝis la 16h45, okazos la Esperantologia Konferenco en salono **Almada**. La ĉi-jara temo estos la kulturo de Esperanto. Podian diskuton pri la nuna stato de la Esperanto-kulturo partoprenos inter aliaj Gersi Alfredo Bays (eldonisto de "Fonto"), Stano Marček (redaktoro de revuo "Esperanto"), Syôzi Keiko (komitatano de UEA el Japanio), Vida Jerman (aktorino) kaj Barbara Pietrzak (Esperanto-redakcio de Pola Radio). Poste oni pridiskutos kion UEA devas fari por antaŭenigi la Esperanto-kulturon. Estas bonvenaj ĉiuj personoj, kiuj interesiĝas pri la Esperanto-kulturo en ties vasta senco, ĉu kiel esperantologoj, ĉu kiel efektivaj partoprenantoj en la kulturo per aĉeto de libroj, legado de gazetoj kaj parolado de la lingvo. Gvidos la konferencon Humphrey Tonkin.

> **Aŭtoraj Duonhoroj. ĉe la Libroservo**
>
> *Vendredo* — *(naciano): Gunnar GÄLLMO*
> *(portugalnezo): LEE Chong-Yeong*

## IKU7: la inkaa astronomio

Prelegинte pri la fascinaj linioj de Naska (Peruo) Amri Wandel donis al la 135-nombra spektantaro la bonan novaĵon pri la apero de nova Almanako (ĉi-foje temanta precipe pri la sunsistemo). Helpe de lumbildoj Wandel esploris la plurajn teoriojn kiuj provas klarigi la celon de la linioj (el kiuj la plej akceptata estas tiu de astronomia kalendaro). Poste li rakontis pri la "forkego de Pisco", la suntemplo (aŭ eĉ kaj astronomia observatorio) en Maĉu Pikĉu (ambaŭ en Peruo) kaj pri la granda idolo de Tiahuanaco, situanta en Bolivio. Ankaŭ li menciis la modernajn grandajn teleskopojn en la nordo de Ĉilio. Fine, Wandel respondis demandojn kaj komentis la informojn donitajn de spektantoj, konkludante ke la sugesto de Erich von Däniken (laŭ kiu la linioj indikas viziton de eksterteraj "dioj") eble estas la plej fantazia teorio, sed certe eblas pli simplaj klarigoj.

## amerika agado

La publika kunsido de Amerika Agado disvolviĝis laŭ tre harmonia etoso kaj multaj havis la vicon paroli. Edvige Ackermann (Italio) rakontis pri sia unumonata vojaĝo tra Brazilo. Atilio ROJAS publike dankis al James REZENDE PITON pro multjara laboro en UEA-Komisiono por Ameriko. Li transdonis la reprezentantecon de tiu Komisiono en Brazilo al Maurício SIGNORINI PRADO (KN 688). Atilio parolis pri la starigo de la Amerika Oficejo en ĉambro de Brazila Esperanto-Ligo, en Brasilia, kaj anoncis sian anstataŭanton kiel nova komisiito de UEA por Ameriko: Adonis Saliba (KN 375), fondinto de la fama diskutlisto VEKI (aliĝoj ĉe http://www.esperanto.org.br/veki), Ankaŭ parolis Michela Lipari, estrarano de UEA por Landa Agado. Diversaj landaj movadoj prezentiĝis, kun raportoj pri siaj agadoj (Paragvajo, Haitio, Meksiko, Venezuelo, Kolombio, Nikaragvo) kaj ankaŭ Kubo, kiu organizos la 6-an Tutamerikan Kongreson en Marto 2004. Fine, Leonora TORRES (Meksiko) publike dankis al Atilio pro la laboro antaŭ la Komisiono. Nun li helpos aliajn landajn Komisionojn kaj plu estos konsilanto en la Ameriko.

> **Aŭkcio**
>
> Hodiaŭ, je la **14h30**, en salono **Hodler**, okazos novspeca AŬKCIO. Nepre venu – vi povos akiri valoran objekton per minimuma mondono! Sed nepre venu kun tuj donebla mono. Akireblos vere valoraj, malofftaj esperantaĵoj. La mono, kiun la proponintoj donos, iros al la Fondaĵo "Lingvo de Paco" (Irano/Afganio). Gvidos la Ĝenerala Direktoro de UEA Trevor STEELE.

## TADEN!

Prezidanto Jan Bemelmans (KN 779) skizis la historion kaj agadon de la Asocio de Nefumantoj al la ĉeestantaro kunveninta hieraŭ. Rob Moerbeek (sekretario) petis fortigon de la estraro kaj atentigis pri la nefum-afiŝetoj, en la "Verda Butiko". Petro Chrdle (KN 472) informiĝas pri la jura situacio en la unuopaj landoj. Pri la ingrediencoj de tabakfumo esploras s-no Naulet (KN 327). En pluraj grupoj Niza Kurierzwan (KN 109) sukcesis ĉesigi fumadon promesante florbukedon

*Rob Moerbeek, Nederlando (KN 64)*

## ekplanu iri al Aŭstralio!

Esperantistoj bonvenigos vin ĉe la 19-a Aŭstralia Somerkursaro de Esperanto, 5-17 jan. 2003. Kvin niveloj de lernado kun profesiaj E-instruistoj, Marcel Leerveld, Grazina Opulskiene, Atilio Orellana Rojas kaj Franciska Toubale - plus distra kaj tre varia paroliga programo, inkluzive ekskursojn. Vizitu *http://www.esperanto.org.au*

*Jennifer BISHOP, Francio (KN 415)*

## klubo de vojaĝantoj – virtualo iĝas realo

Prof-ro Boris KOLKER (Usono, KN 154) estas aŭtoro de Internacia Perfektiga Koresponda Kurso (nur reta), *Vojaĝo al Esperanto-Lando*, kies rondo nomiĝas "Klubo de Vojaĝantoj". La retadreso estas **kolker@stratos.net**. Al la tre kompleta retkurso aliĝis dum la lastaj tri jaroj 20 homoj (el kiuj duono en Brazilo), el sep landoj. Ĝis nun ok diplomiĝis. Du tagojn antaŭ la ekveturo de prof-ro, la plej juna diplomito kompletigis la ekzercaron de la lasta leciono. Ŝi, s-ino Lourdes Ribeiro Ulhôa (Brazilo, KN 343) fariĝis la unua kursano, kiu konkrete, enmane ricevis la diplomon de prof-ro Kolker.

La kursmaterialo fariĝis bela kaj modernaspekta jus eldonita libro, *"Vojaĝo en Esperanto-lando. Perfektiga Kurso kaj Gvidlibro por la Esperanta Kulturo"*, kiu rekorde vendiĝis dum la Kongresa semajno.

### ATTAC

Dum la Strategia Forumo, kunordigita de la prezidanto de UEA, okazis informado pri Indiĝenaj Dialogoj (Bessie Schadee, KN 762) kaj pri la strategia signifo de Terminologia Agado (Wera Blanke, KN 762). Ankaŭ estis instigo al observado de la alternativa amasmovado ATTAC [atak]. Enkondukis Vincent Cheriot (KN 430) kaj Wera Blanke. La diskuto rezultigis decidon formi grupon, kiu serĉu diversnivelajn kontaktojn al la dinamike evoluanta internacia kunlaboranta reto de homoj kun plej diversaj mondkonceptaj fonoj, kiuj kuniĝas tutmonde por defendi homajn rajtojn, demokration kaj kulturan diversecon kontraŭ la trudata desupra tutmondiĝo. Informiĝu ĉe http://www.attac.org

*Wera BLANKE, Germanio (KN 762)*

### artistoj premiitaj

La premiitoj por la Kongresa JALL-Artekspozicio estas: Unua Premio – Ilmo Aparecida de Souza Araújo; Dua Premio – Adalberto de Oliveira Pessoa; Honoraj mencioj – Niza M. Raszl kaj Renato Hermanek. Ĉiuj artaĵoj estas aĉeteblaj ĝis la fino de la Kongreso.

*Marco ALMADA, Brazilo (KN [illegible])*

### ekzamenoj

En la Internaciaj Ekzamenoj ILEI/UEA sukcesis 9 personoj. Ni gratulas ilin.

*Mireille GROSJEAN, Svislando (KN [illegible])*

## nemenciitaj en la Kongresa Libro pro teknika eraro...

Se mankas via nomo kaj adreso mankas, aŭ ne aktualas, kontaktu la redaktantojn de la Kongresa Kuriero!

1444 Renato HERMANEK, R. Altamara Pessana, 120 – Cacuia – Ilha do Governador – Rio de Janeiro, RJ 21921-109

## laste aliĝis...

(KN)

1466 Kiŝ EICHHOLTZ, J. Perklaan 34/2 NL-2024 JS Haarlem, Nederlando
1467 Ulpiano VILLANUEVA, Torres Paz 1573 – Lima-1, Peruo
1468 Alcione Nunes KORITEKY, R. Ivanir Pereira da Costa, 90 – Rio de Janeiro-RJ BR-21813-280
1469 Celso LIMA, R. Ivanir Pereira da Costa, 90, Bangu – Rio de Janeiro-RJ BR-21813-280
1470 José Latof Calixto GAIDO, R. Herculano, 404 – São Paulo-SP - Brazilo
1471 Maria do P. Socorro BARRETO, R. Odilon Machado, 55 – Salvador-BA BR-40340-420
1472 Ricardo W. A. TAVARES FILHO, R. Evaristo Reis, 309/303 – Fortaleza-CE BR-60130-600
1473 Zita GARBARAVIČIENĖ, S. Žukausko 2-18 LT-3043 Kaunas, Litovio
1474 Stanisław RAWIAK, Mikulskiego 14, PL-08-400 Garwolin, Pollando
1475 José Geraldo do Ó CARNEIRO, R. 24 de Janeiro, 2139 S. B., 1204 Macaúba BR-64016-020
1476 Marly CORRÊA, Av. Targino Vilela Nunes, 236 – Lorena-SP BR-12603-000
1477 Luiz Carlos SCHANUEL, Tr. Henrique Perdigão, 167 BR-25665-091
1478 Yoshimitsu MATSUTO, C.P. 31 – Registro-SP BR-11900-970
1479 Kiyotaka ASAI, R. Fernando Pessoa, 211– Jandira-SP - Brazilo
1480 Tamiko ASAI, R. Fernando Pessoa, 211– Jandira-SP - Brazilo
1481 Márcio MAZZA, R. Martinho Rodrigues, 1201/302-A, Fátima – Fortaleza-CE BR-60411-280
1482 Márcio Alan Menezes MOREIRA, R. Ricardo C. Macedo, 134 – Fortaleza-CE BR-60815-840
1483 José Ilton L. MOREIRA JÚNIOR, R. Ricardo C. Macedo, 134 – Fortaleza-CE BR-60815-840

**Io raportinda?**
**Ĉu via informo estas**
**grava por la Kongreso?**

Ne nur disklaĉu ĝin sur la koridoroj!
Sendu ĝin al nia kuriero:

**kuriero87uk@bol.com.br**



*La Bela Sonĝo* **de l'Omaro**

**87-a Universala Kongreso de Esperanto**

**Respondeca redaktanto**
James Rezende Piton (KN 291)

**Kunredaktantoj**
Ísis Olimpy Okabe Piton (KN 235)
Jimes Veseu Milanez (KN 224)
Maurício Signorini P. de Almeida (KN 688)

# La Bela Songô
# de l'Omaro

Kongresa Kuriero de la
87-a Universala Kongreso de Esperanto - Fortalezo, Brazilo
**Sabato, la 10-an de Aŭgusto 2002.**

**N-ro 6**




*La Komitato de UEA, en kunveno okazinta hieraŭ, aprobis la formulon de nia*

## Kongresa Rezolucio

La 87-a Universala Kongreso de Esperanto, kunvenínte en Fortalezo (Brazilo) de la 3a ĝis la 10a de aŭgusto 2002 kun 1484 partoprenantoj el 58 landoj, kun la temo "Diverseco - ŝanco ne minaco",

Konstatas, ke la daŭranta integriĝo tutmonda kondukis al pozitivaj rezultoj, ekzemple internaciaj instrumentoj pri homaj rajtoj, sed ankaŭ al malegalecoj kaj al la ĉiam pli rapida perdiĝo de malgrandaj lingvoj kaj kulturoj,

Gratulas UNESKOn pro ties agado sur la kampo de lingva kaj kultura diverseco, ekzemple per la Tago de la Patrina Lingvo je la 21a de februaro ĉiujare, kaj aparte bonvenigas, ke la Ĝenerala Konferenco alprenis je la 2a de novembro 2001 Universalan Deklaracion pri Kultura Diverseco,

Konstatas, ke la principoj kaj celoj de UNESKO en tiu kampo kongruas kun la idealoj de la movado por Esperanto, kiu celas per neŭtrala komunikilo transponti la kulturojn, tiel kreante forumon por egaleca interŝanĝo de kulturaj valoroj,

Atentigas en tiu kunteksto pri la graveco de la lingva dimensio de kultura diverseco, kaj substrekas la pretecon de la Esperanto-movado kunlabori kun ĉiuj organizajoj, kiuj okupiĝas pri la kultura dimensio en internaciaj aferoj.

**Resolução do**
**87º. Congresso Universal de Esperanto**

O 87º. Congresso Universal de Esperanto, reunido em Fortaleza (Brasil) de 3 a 10 de agosto de 2002, com 1484 participantes de 58 países e o tema "Diversidade - uma chance, não uma ameaça",

Constata que a globalização em curso trouxe resultados positivos, como, por exemplo, instrumentos internacionais de direitos humanos, mas também levou a desigualdades e a um desaparecimento cada vez mais rápido de pequenas línguas e culturas.

Congratula-se com a UNESCO por sua atuação no campo da diversidade lingüística e cultural, como por exemplo na declaração do dia 21 de Fevereiro como Dia da Língua Materna, e saúda especialmente o fato de que a Conferência Geral tenha adotado em 2 de Novembro de 2001 a Declaração Universal da Diversidade Cultural;

Constata que os princípios e objetivos da UNESCO nesse plano coincidem com os ideais do movimento em favor do Esperanto, que visa, graças a um meio de comunicação neutro, estabelecer pontes entre as culturas, criando assim um fórum para o intercâmbio igualitário de valores culturais;

Chama atenção nesse contexto para a importância da dimensão lingüística da diversidade cultural e destaca a disposição do movimento do Esperanto em colaborar com todas organizações que se ocupam da dimensão cultural nas questões internacionais.

### azia agado

La kunveno okazis en ĵaŭdo, kun kvindeko da homoj. Ĝin prezidis s-ro HORI Yasuo (KN 183), el Japanio, prezidanto de la Komisiono pri Azia E-Movado (KAEM). Komence s-ro Hori raportis pri la agado dum la pasinta jaro (nova konsisto de la komisiono, reapero de la organo "Esperanto en Azio", la 3-a Azia Kongreso ktp.). Poste reprezentantoj el Ĉinio (s-ro Wang), Japanio (s-ro Takeuti) kaj Koreio (s-ro Lee) parolis pri sia agado kaj aldone s-ro Ito parolis pri Nepalo kaj Mongolio. Dum la cetera tempo oni diskutis pri maniero pliaktivigi la movadon. Tiujn aferojn KAEM denove pridiskutos dum la 4-a Azia Kongreso.

*HORI Yasuo, Japanio (KN 183)*

### UEA-Komitato: nova elektokomisiono

La Komitato en sia lasta kunsido hieraŭ elektis tripersonan elekto-Komisionon: s-ro Takeuti Yosikazu, Japanio (KN 104), s-ino Edviga Tantin Ackermann, Italio (KN 666), nored@ostelnet.it, s-ro Povilas Jegorovas.

Litovio (KN 543), pjegorovas@takas.lt. Dum posta kunsido, la Komisiono decidis, ke: 1)Takeuti ĝin prezidos; 2) oni kontaktos la Landajn Asociojn por interkonsiliĝo pri iliaj reprezentantoj antaŭ UEA; 3) Oni ekzamenos la konsiston de la Komitato kaj la partoprenon kaj engaĝiĝon en la diversaj kampoj de la unuopaj komitatanoj. 4) oni informos pri elekto-reguloj de eventualaj novaj Komitatanoj C de UEA.

Konsiloj, sugestoj, eĉ kritikoj estu adresataj al la prezidanto de la Komisiono, takeuti@nov.email.ne.jp.

## kunvenoj pri Unesko

Lundon la 5-an kaj jaŭdon la 8-an de Aŭgusto 2002 okazis du kunvenoj kun S-ro Patrick Gallaud pri Unesko kaj NRO-j kaj pri starigo de Unesko-kluboj. La kunvenojn partoprenis pli ol 50 personoj. S-ro Gallaud disdonis la tekston de sia parolado kaj povis respondi al demandoj. Dum la dua kunsido li povis respondi precize al demandoj pri starigo de Unesko-kluboj. Estas ebleco krei plurajn klubojn en Brazilo kaj aliloke.

*Vincent CHARLOT, Francio (KN 430)*

## IKEF

En informkunveno okazinta la 5-an de aŭgusto, la prezidanto Franz BRAUN salutis la 25 partoprenantojn, inter kiuj 13 membroj. Li raportis pri la celo kaj taskoj de IKEF. Multe diskutata estis la instigo kaj subteno de la komerco per Esperanto inter E-komercistoj, nuntempe helpata de pluraj retpaĝaroj kaj retlisto per-esperanto-komerco@yahoogroups.com. Laŭdon ricevis la estraro pro esperantigita eldono de normaj reguloj de ICC (International Chamber of Commerce, Parizo) k.a. En jaŭdo 14-kapa grupo vizitis SEBRAE-instituton por disvolviĝo de la ekonomio en ŝtato Ceará. Ĉiujare dum la UK-semajno IKEF vizitas tiajn entreprenojn aŭ institutojn, por a) mem informiĝi pri la stato de la ekonomio kaj eblaj problemoj kaj b) demonstri, ke Esperanto ankaŭ taŭgas por komerco/ekonomio.

*Franz Josef BRAUN, Germanio (KN 312)*

## Cseh-kurso

Kiel jam tradicie en Universalaj Kongresoj, dum kvar tagoj estis la fama Cseh-kurso. La kurso de la brila pastro Andreo Cseh estas gvidata per afabla etoso, rekte en Esperanto, kaj ĝia plej grava celo estas paroligi la gelernantojn. Fakte, laŭ kreivaj manieroj, agrablaj lecionoj, interesaj kantoj kaj ĝojigaj ludoj, 24 homoj el pluraj landoj lernis bazajn aferojn pri Esperanto. La Cseh-instruistino Neusa Priscotin Mendes (MiMa) lerte gvidis siajn gelernantojn, kiuj plene amuziĝis kaj ŝatagis la kurson.

*Mateo Artioli FIRMINO, Brazilo (KN 599)*

## manlaboro

Antaŭhieraŭ je la 10h00 okazis la fakkunsido 'Manlaboro'. Partoprenis ĉirkaŭ 30 esperantistoj. Kampoj de manlaboro estas tre vasta. Pro tio ĉi-foje oni diskutis pri brodado kaj ĝardenkulturo. En Fortalezo la brodado estas tre prospera kaj infanoj heredas ĝin de patrino kaj avino. Eĉ viroj brodas. Partoprenintoj parolis pri siaj spertoj de brodado kaj ĝardenkulturo.

*OOBA Shigeko, Japanio (KN 645)*

## refondo de la Budhana Ligo Esperantista

Elektiĝis estraro por refondo de Budhana Ligo Esperantista, i.a. Gunnar Gällmo, prez. José Antonio Vargara, vicprez., Yamaguti Sin'iti, sekretario kaj Yamamoto Osamu, kasisto. Japana Budhana Ligo Esperantista sendis saluton kun la peto fariĝi filio. La ĉeestantoj aprobis tion kaj poste la prezidanto respondis demandojn.

*Gunnar GÄLLMO, Svedio (KN 371)*

## kio estas Oomoto

Ĉi-foje ni okazigis la diservon por la paco kaj ni uzis Esperanton por preĝvortoj kaj himnoj, escepte de unu ŝintoa preĝvorto *Amacu-norito*. En tre sankta bona etoso ĉiuj esperantistoj partoprenintaj kune preĝis al Dio la mondpacon.

*MAEDA Ŝigeki, Japanio (KN 865)*

## spiritistoj

En la hejmopaĝo de Brazila Spiritisma Federacio, vi trovos informojn pri Spiritismo kaj ankaŭ kelkajn verkojn senpage disponeblaj por elŝuto en la formato PDF (elektronikaj libroj). Por tio, turnu vin al http://www.febrasil.org.br/esperanto/index_esp.htm

*Luiz Fernando VENCIO, Brazilo (KN 954)*

## Esperanta Jura Asocio

La kunsido de la Esperanta Jura Asocio (EJA) estis kunordigata de Ivo OSIBOV (KN 81), kiu rakontis pri la oficiala revuo Jura Tribuno Internacia, respondis demandojn de la spektantoj kaj proponis kunvenon de la

esperantistaj juristoj kun la neesperantistaj de la kongreslando. Oni ankaŭ decidis, ke la venontaj kunsidoj ene de la UKoj temos specifajn temojn, kiel juro de EU, mortpuno kaj toksomanio k.a.

*Mauricio SIGNORINI P. DE ALMEIDA (KN 688)*

## jurnalistoj

Okazis fakkunsido de la Tutmonda Esperantista Jurnalista Asocio hieraŭ, en salono Almada, kun partopreno de 27 kongresanoj, el kiuj 6 estis membroj de TEJA. Diskutis jurnalistoj profesiaj kaj amatoraj kaj nuraj interesatoj pri jurnalismo pri diversaj temoj, interalie pri tio, ke organizantoj de UK ne sufiĉe ĉerpis el la profesiaj konsiloj de nia Asocio. Prezidis Stefan Maul, Germanio, (KN 354) kaj *Yamazoki Seikô, Japanio (KN 58)*.

## legantoj de la revuo "Esperanto"

...renkontiĝis kun la nova redaktoro Stano Marček kaj de li Stano rikoltis reagojn. La revuo ne celas komencantojn, ekzistas aliaj revuoj por komencantoj (Kontakto, Juna Amiko, rusa "Komencanto")... Amuza paĝo povus tamen allogi komencantojn.

*Stano MARČEK, Slovakio (KN 78?)*

## jarkunveno de Internacia Scienca Asocio Esperantista (ISAE)

37 ĉeestantoj el 13 landoj sekvis la klarigojn de la prezidanto pri la financa kaj membra situacio de la Asocio, kies celo estas la disvastigado de la Internacia Lingvo en ĉiujn sciencajn kaj teĥnikajn sferojn. Specialan atentigon ricevis la asocia organo *Scienca Revuo*, kiu aperas 4-foje jare. Ĝi estas ligilo inter la membroj kaj la diversaj fakuloj de ISAE kaj samtempe progresigas la pretecon de la publiko por akceptado de Esperanto en scienco kaj teĥniko.

La alvoko de la prezidanto al la ĉeestantaj fakuloj el ĉiuj sciencaj kampoj (profesiaj aŭ amatoraj) kaj interesatoj pri sciencaj aferoj rezultigis kvar novajn membrojn tuj post la kunveno. Provekzempleroj de *Scienca Revuo* estas haveblaj ĉe la giĉeto "Amerika Budo" kontraŭ subtena donaco por Amerika agado.

*R. SACHS, Prezidanto de ISAE, Germanio (KN 39?)*

**redaktofino por la venonta numero de "Esperanto"**

La limdato por kontribuaĵoj (raportoj, fotoj, impresoj) taŭgaj por la kongresa numero de Septembro estos

**la 20-a de Aŭgusto.**

## BEJO: nova estraro elektita

Hieraŭ postagmeze, en Placo Espero, anoj de BEJO (Brazila Esperantista Junulara Organizo) voĉdonis por la nova estraro. Tuj poste jam okazis ĝia unua publika kunsido, dum kiu aliaj junuloj estis invititaj por kunlaboraj postenoj (eldona, interreta, eventa) kaj prove ekstarigita reto de reprezentantoj.

Prezidanto: Cassius Descons; Sekretario: Isis Okabe Piton; Kasisto: Ingrid Müller; Fiska Konsilantaro: Roger Gerardi, Bruno Longo, Leandro Dourado, Molina Milanez.

*Jones VASCO MILANEZ, Brazilo (KN 224)*

## dankon, brazilanoj!

Post kutima matena "kurado" taksie de la hotelo al la kongresejo kun geamikoj, mi pagas mian parton. Montopiloletoj vendiĝas ĉeporde – "Bonege!", mi pensas – "Kiom kostas?" "Unu realo? Jes, bone, mi prenos unu". "Sed, ... kie mia mono? Kie mia mansako??" Ĝi ne pendas, kiel ĝi kutime faras, de mia ŝultro: "kompreneble, en la taksio! Tiu taksio jam du minutojn foririnta..." Ĉirkaŭantaj taksiistoj volonte informas ("... flavan ĉemizon") kaj konsilas ("kontaktu vian hotelon, la taksio certe tien reiros"), kaj mi tiel agas. Hotelo diras ke ili zorgos kaj mi eniras en kunvenon, kiun mi volas ĉeesti. Maltrankvilo ekboletas en mi; reen al la hotelo do. Tie, ĉiuj pri mia sako aŭdis, sed neniu ĝin vidis.

Al almozpetanto tiea: "Mi bedaŭras, sed mi perdis mian sakon". Tute senpensa respondo miaflanke, tamen. Aŭdinte min, mi tuj diras al mi mem, "ne, mi ne ĝin perdis, mi nur ĝin momente ne havas". Unu horo jam pasis, sed subtile mi ne plu timas. Baldaŭ poste taksio alvenas kaj taksiisto portas mian sakon ĉarmane.

Mia ĝojo estas duflanka: mi ĝojas pro mi mem, kompreneble, sed ankaŭ, kaj certe multe pli profunde, pro Brazilo. Mia unua vizito al tiu ĉi lando estis okaze de la UK en Brazilio – belega kaj mirinda laŭ mi – en 1981. En la du sekvantaj jaroj mi venis aliajn du fojojn al diversaj regionoj. Bedaŭrinde, la tipa admono tiama al turistoj estis "tre atentu kontraŭ ŝtelado!". Hodiaŭ, tute male, ĉiuj taksiistoj plene fidis, ke mia sako ne perdiĝos kaj ili ja pravis.

Dankon kaj gratulon, Brazilo!

*Ana MONTESINOS, Britio (KN 529)*

## aŭkcio, ĉuuuu?!...

14-a kaj duono – mi kuru, mi kuru, haste, rapide, rapidege!!! Baldaŭ la plej interesa kongresa programero! Nu, kial klerigi aŭskultante Humphrey Tonkin, en Esperantologia Konferenco, kial viziti la Libroservon, kun risko elspezi egan monsumon kaj tiel plipezigi la valizojn??? Ja eblas aŭkcie pasigi UNU horon kaj duonan, batalante per monsvingado, en klopodo akiri uzitan naztukon de Kalocsay, ĉampanan glason kun spuroj de lipruĝo de Vida Jerman, aŭ (pli serioze, tamen.) valorajn librojn de valoraj pioniraj aŭtoroj, esperanto-kartojn jarcentkomencajn,

serion de E-poŝtmarkoj ktp ktp. Sufiĉe plenas la salono, certe oni aĉetos el la ejo iom pli 'malpezaj', pro monujo malplena, sed oni kontentos pro la akiraĵoj kaj kontentos ĉar per tiu mono estos helpata la esperanta organizaĵo.

-Serĉu, serĉu lokon: ho, bonege, gvidos la aŭkcion la ĝenerala direktoro Trevor Steele! – Nu, envere, preskaŭ certiĝita amuziĝo! Sed ... kia surprizo de la konata kaj atendita programero! Surprizo plurfaceta: nova aŭkcianto, nova metodo! Kial mankis varoj, la atendata, prokantaĵoj? Certe mankis taŭga proceduro!

Nu, jen alia maniero por certigi al UEA konsenton kaj monon!

*Elda Dorfler, Italio (KN 523)*

## rekongresu en Brazilo en venontaj jaroj!

En la jaraj Brazilaj Kongresoj de Esperanto kutime kunvenas inter 300 kaj 600 geesperantistoj, ofte ankaŭ el aliaj landoj. En **2003**, inter la 20-a kaj la 24-a de Julio, oni havos la **38-an BKE** en **Belo Horizonte**, ĉefurbo de ŝtato Minas Gerais. La temo estos: 'Esperanto kaj Civitaneco'. Viziteblis budo dum nia UK. Kaj por **2004**, refoje en Nordoriento, la **39-a BKE** okazos en la urbo **Macéió** [maseju'], ŝtato Alagoas.

## kongresaj kurieroj

Manlibreto ĉirkaŭ 20-paĝa pri redaktado de tiaj kurieroj, kun valoraj konsiloj, estis preparata de TEĴA, la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio, redaktita sub gvido de Stefan Maul. Demandu ĝin de la Centra Oficejo de UEA.

*Hans Welling, Germanio (KN 1415)*

## foraj reeĥoj

Danko al Andrej Grigorjevskij, UEA-estrarano pri informado, kiu ne povis ĉeesti la 87-an UK-n, niaj Kurieroj ĉiutage aperis en la hejmpaĝo de UEA (**http://www.uea.org/kongresoj**) kaj tie ili restas, se vi eventuale maltrafis paperan ekzempleron. Krome, ekde **http://www.abonu.com** dissendiĝis la Kuriero al retaj abonintoj, kiuj siaflanke diskonigis ĝin en naciajn E-listojn, kiel ekzemple Alcisio Santorato en Rio de Janeiro. Danke al tio, ni ricevis jenajn reagojn dum la kongresa semajno:

Mi kore salutas la gekongresanojn de la 87-a UK, kiun mi sekvas per elsendoj el Pekino kaj Varsovio kaj per la rete legebla Kongresa Kuriero. Mi ĝojas, ke la UK, kiu dum mia esplora vizito al Fortalezo en 1999 ankoraŭ estis bela songo, nun sukcese realiĝas. **Osmo Buller** (Finnlando)

P.S.: ... kaj apartan dankon kaj gratulon al la teamo pro bona laboro super *La Bela Songo de l'Omaro*!

---

Dankon pro la reta kuriero, kiu ankaŭ al tiuj, kiuj ne povas esti en Fortaleza ebligas iomete gustumi la UK-n. Apartan dankon pro la traduko de "Akvarelo de Brazil"! **Marija Belosevic** (Kroatio), B-komitatano.

---

Bedaŭrinde reprezentanto de nia redakcio ne povas ĉifoje partopreni la UK-n kaj pro tio ni petas vin transigi niajn plej varmajn salutojn al la partoprenantoj, al via redakcia teamo kaj speciale al la kunvenintoj de "Amikaro de Radioaŭskultantoj". Ni konstante sekvas la okazaĵojn pere de la tre bone redaktata, multan informon enhavanta Kongresa Kuriero. Nome de la E-Redakcio en ORF - Radio Aŭstria Internacia, **Katinjo Fetes-Tosegi**, redakciestro

---

Kvankam for de Brazilo kaj la UK, mi ĝojas legi la kurieron kaj per ĝi partopreni la programerojn. Mi deziras plenan sukceson al la brazilaj E-istoj, kiuj post peniga laboro dumkongrese, fartos tre agrable kaj fiere. Ni, kreintoj, organizintaj la pasintan UK-on, scias tion. **Josip Pleadin**, redaktoro de la *"Zagreba Albumo"*, kuriero de la 86-a UK.

---

Mi konscias pri la grandega laboro kiun vi faras ĉi tiujn tagojn kaj deziras al vi bonan, sukcesan laboron! Kun verdaj salutoj, **Aurora Bute**, vicprezidanto de E-Asocio de Rumanio

---

Kvankam ŝajne neniu el Tajvano partoprenas tiun kongreson, ni volas per tiu ĉi mesaĝo sendi al vi niajn korajn salutojn kaj bondezirojn kaj diri ke ni tamen sekvas novaĵojn tieajn per reto kaj radio ktp. Belan kaj sukcesan kongreson al ĉiuj! **Reza Kheir-khah**, redaktoro de *Tajvana Esperantisto*. http://www.geocities.com/tajvano/

**La Fortaleza omaro dankas vian viziton kaj diras al vi ĝis revido en Brazilo, en Göteborg aŭ ie ajn en Esperantujo!**



*La Bela Songo* **de l'Omaro**

**87-a Universala Kongreso de Esperanto**

**Respondeca redaktanto**
James Rezende Piton (KN 19?)

**Kunredaktantoj**
Isis Climacy Okabe Piton (KN 235)
Jimes Vasco Milanez (KN 22?)
Maurício Signorini P. de Almeida (KN 688)